Driemaandelijks tijdschrift — Afgiftekantoor: Antwerpen X
Jarkolekto 22 — Trimonata
2 /92

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

## Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ILEI

**Redaktisto:** KOVÁCS Márta

**Vic-redaktisto:** Stefan MacGILL

**Respondeca eldonanto (verantw. uitgever):** E. Symoens, Putsesteenweg 151, B-2920 Kalmthout

IPR

**Redaktejo:** Kovács M., Ady Endre u.23-25 C
H-1221 Budapest
☎ + 36-1-226-3602 (hejma, kun respond-aparato)

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140,
B-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00

# Enhavo



## ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto** : Stefan MacGill, Esö 7.III, H-1034 Budapest, Hungario.
Mesaĝoj tra HEA: (36 1) 1560.244 (telefone aŭ fakse)
Kunordigado, planado, eldonado, rilatoj UEA kaj la movado.

**Vicprezidanto** : Prof. Ronald J. Glossop, 8894 Berkay Ave., Jennings, MO 63136, Usono; tel.(314) 869-2303
Eksteraj rilatoj, statistikado, instruado de infanoj

**Sekretario** : Marija Beloŝeviĉ, Miŝkinina 130, YU-4100 Zagreb-Crnomerec, Kroatio, Jugoslavio;tel. (38 41) 57.60.92
Landaj sekcioj, membro-varbado, ekzamenoj

**Kasisto** : Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-24294 Hörby; tel. (46 415) 501.52
Financo, konferenca organizado

**Vic-sekretario** : D-ro Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept. 29-34, North Part, Huazhong Normal Univ., TJ-430070 Wuhan, Ĉinio
Azia agado, ekzamenoj en Ĉinio

**Estrarano pri instruado** Barcsay Zsuzsa, Bem Rakpart 25/B, H-1011 Budapest, Hungario; tel. (36 1) 201-2342
Servoj al instruistoj, metodikaj kursoj, trejnado de instruistoj.
Faka programo de Konferenco 92

**Estrarano pri universitatoj** D-ro So Ĵinsu, Koreio, Dept. de Ekonomiko, Univ. Kangnam, Kugali Kihung-up, Yongin-gun, Kyonggi-do 499-900; tel. (0331) 281-5500, faks (0331) 281-3604
Universitatoj, Konferenco 1994

# LA LERNEJO
## laŭ Komenio
### MOLNÁR Ágnes (Hungario)

Tiu ĉi artikolo estas redaktita teksto de prelego dum Pedagogiaj Tagoj '92 en Budapeŝto

Inter 1650 kaj 1654 Komenio vivis en Hungario laŭ la invito de la princa familio Rákóczi kaj estis ellaboranta kaj ekfunkciiganta sian pansofian lernejon en la urbo Sárospatak [pr. ŝa:roŝpotok].

Tiutempe ne ekzistis lerneja sistemo en la nuna senco. Ne estis devige viziti lernejon, en la mezgrada kaj supergrada lernejoj preskaŭ nur knaboj povis lerni, unuavice nobeluloj. La infanoj de la komercistoj kaj metiistoj vizitis nur la bazgradajn lernejojn, kie ili alproprigis la skribadon, la legadon kaj la kalkuladon.

Komenio planis sian lernejan sistemon ne la unuan fojon, nek dum 1–2 jaroj, sed dum jardekoj. Jam en la verko *Didactica* li eksplikis siajn planojn, celantajn pli bone organizi la lernejan sistemon.

Deirante el tio, ke la evoluado de la homa korpo finiĝas grandparte en la 24-a vivojaro, tiujn 24 jarojn li dividas je kvar etapoj, al kiuj konvenas la etapoj de la lerneja laboro. Jen:

La 1-a grado: la patrina lernejo, edukado en la familio ĝis la 6–a vivojaro.
La 2-a grado: la popola lernejo, gepatralingva lernejo por la infanoj 6–12 jaraj.
La 3-a grado: la latina lernejo ĝis la 18-a jaro.
La 4-a grado: la akademio ĝis la 24-a jaro.

Poste oni povas daŭrigi siajn studojn per vojaĝoj.

La celo de tiu **latina** lernejo estas transdoni al la lernantoj la tutan enciklopedion de la artoj per helpo de kvar lingvoj: gepatra lingvo, latina, greka, hebrea lingvoj. La enciklopedio entenas unuavice la t.n. sep liberajn artojn, al kiuj aliĝas la fiziko, la geografio, la kronologio, la historio, la etiko kaj la teologio. En la latina lernejo baziĝas la pli posta profesio de la lernantoj. En la kadro de la latina lernejo Komenio proponis organizi ses klasojn. Nome:

| | | |
|---|---|---|
| 1. gramatiko | 2. fiziko | 3. matematiko |
| 4. etiko | 5. dialektiko | 6. retoriko |

*La plano de la pansofia lernejo* (Scholae pansophicae classibus septem adornandae Delineatio) estas la verko el la jaro 1637, en kiu Komenio je la unua fojo eksplikis por propagando la sencon kaj la celon de la pansofio, almontrante tion, ke li intencas ellabori tian sistemon, laŭ kiu ĉiu popolo per sia gepatra lingvo povas akiri la scion.

Pansofio laŭ li estas sistemo de konoj, ĉirkaŭprenanta la mondon en sia integreco. Tiu sistemo laŭ la adeptoj helpas al la homo trovi sian lokon en la mondo.

La **pansofia lernejo** konsistas el sep klasoj. La tri subaj servas por la vekigo de la kapabloj; el inter la supraj kvar klasoj en tri la lernantoj devas kompreni la objektojn, kaj fine la lasta, la sepa klaso celas la leviĝon al Dio.

En la centro de la studmaterialo de la subaj klasoj staras la lingvoinstruado. Poste sekvas en la kvara klaso la filozofio, en la kvina la logiko, en la sesa la politiko, fine en la sepa la teologio. La lernolibro por la koncerna klaso entenas la tutan studmaterialon.

Laŭ Komenio la studmaterialo devas konveni al la nivelo de la lernanto de meza talento. Komenio distingas tri tipojn de la studmaterialo: unua-, dua-, kaj triarangajn. Inter la triarangaj okupiĝoj post la ludoj li mencias la teatrajn prezentadojn kaj jam tie ĉi li alfrontas la kontraŭlojn de la teatraj prezentadoj, li klarigas la didaktikan utilon de tiuj kaj argumentas emfaze por la enkonduko de la lerneja teatra prezentado.

La materialo de ĉiu nova klaso baziĝas sur tiu de la antaŭa lernojaro, do en la instruado superregas la principo de la gradigo. Gravaj konsistopartoj de la lernado estas la ekzercoj. Oni devas aparte priatenti la edukadon de la sensoj, de la intelekto, de la memoro, de la lingvo, de la manoj kaj de la koro.

La plano preskribas ankaŭ la devojn de la lernantaro kaj de la instruistoj. En ĉiu klaso oni devas samtempe komenci kaj fini la lernojaron. La vastajn klasojn oni devas dividi je pli malgrandaj grupoj (dekono), kiujn direktos la pedagogoj.

Indas trarigardi eĉ pli detale la trian parton de la verko *De Schola sic ordinata Deliberatio*, kie la aŭtoro respondas kvar demandojn:

Unue: *Ĉu estas realigebla pansofia lernejo?*

La respondo: jes, se oni instruas pli zorge la latinan lingvon kaj la greka kun la hebrea estos akcesoraj studobjektoj. Instrui ĉiun detalon dum sep jaroj memkompreneble ne eblas, tamen oni instruu ĉion.

Due: *Ĉu la infanoj povos alproprigi la plej gravajn objektojn dum sep jaroj?*

La respondo: Jes, se oni aplikas la avantaĝojn de la metodo. Laŭ la latina proverbo, la kondiĉo de la alveno al la celo estas ne tiom ke oni komencu kuri, sed ke oni ne haltu.

Trie: *Kion povos fari la absolvantoj en la 16–18-a jaraĝo?*

La respondo: En la respondo Komenio almontras al la praktika prosperado de la erudita homo, al la pli facila elekto de profesio.

Kvare: *Kiel eblas realigi tiun signifan lernejon?*

La respondo: En la respondo la aŭtoro denombras kvar kondiĉojn: libroj, lernoĉambroj, lernantoj, instruistoj. La instruistoj devas esti hungardevenaj.

Trastudinte la libron, oni povas konstati, ke la multpromesa plano de la pansofia lernejo ne suferas mankon en la lokaj rilatoj, kvankam ĝi ne diferencas grave de la principoj, eksplikitaj pli frue.





Mundus. Die Welt.
A' Világ

(7)

| | | |
|---|---|---|
| Cœlum 1. habet stellas, | Az Egen 1. csillagok vagynak. | Am Himmel 1. sind die Sterne. |
| Nubes 2. pendent in aëre. | A' Felhök 2. a' levegö égben függenek. | Die Wolken 2. hangen in der Luft. |
| Aves 3. volant sub nubibus. | A' madarak 3. a' felhök alatt repdesnek. | Die Vögel 3. fliegen unter den Wolken. |
| Pisces 4. natant in aqua. | A' halak 4. a' víz ben úszkálnak. | Die Fische 4. schwimmen im Wasser. |
| Terra habet montes, 5. sylvas, 6. campos, 7. animalia bruta, 8. & homines. 9. | A' földön vagynak hegyek, 5. erdök, 6. mezök, 7. oktalan állatok, 8. és emberek 9. | Auf der Erde sind Berge, 5. Wälder, 6. Felder, 7. unvernünftige Thiere, 8. und Menschen 9. |
| Mundus universus e quatuor constat elementis, | Az egész Világ négy élettö - állatokból áll, | Die ganze Welt besteht aus vier Elementen, |
| quæ sunt: aër, ignis, aqua, & terra. | a' mellyek: a' levegö - ég; tüz, víz, és föld. | welche sind: die Luft, das Feuer, das Wasser, und die Erde. |

Oni ne havas indikon, ĉu la verko kun la tuta teksto estis aperigita dum la agado de Komenio en Sárospatak, sed la esploristoj plenrajte supozas, ke la verko iamaniere estis disvastigita, do povas esti, ke la unua eldono perdiĝis.

La verko *Schola Ludus* t.e. *Lernejaj teatraj spektakloj* estis ellaborita de Komenio en Sárospatak por hungaraj junuloj. La libro entenas ok teatraĵojn, kiujn Komenio ne kuraĝis nomi dramoj, nome ili vere ne estas dramoj, nek en la antikva, nek en moderna senco. Ĝi entenas dialogojn, verkitajn laŭ la plivastigita enhavo de *Janua*, kiu estas lernolibro por la 2-a latina klaso. La 100 ĉapitroj de *Janua* estas enaplikitaj en ok ludojn.

Laŭ REBER la libro estas unu el la plej sukcesaj kaj plej bonŝancaj verkoj de Komenio. Sed la sukceson la aŭtoro atingis ne per la dialogoj, havantaj didaktikan karakteron. Laŭ KVACALA tial havis grandan sukceson la lernejaj teatraj spektakloj, ĉar sur la scenejo, en la teatraĵoj regas la vera, fascinanta vivo, sekve de la senĉesa alternado de la objektoj.

En Sárospatak Komenio kun granda plezuro kaj persisto laboris por siaj lernejaj reformoj. Dum la instruado li komprenis kaj spertis, ke al la sukcesplena lernado estas dezirenda ankaŭ la demonstrado, la instruado per bildoj. Li rimarkis, ke la instruistoj malgraŭ la instrukcioj en la latinaj lernolibroj, ne klopodas demonstradi. Tial li decidis verki ilustritan lernolibron, jam delonge kaj multspece planitan. Tiel li ellaboris en 1653 la libron *Orbis Sensualium Pictus* (La mondo per bildoj).

Komenio klopodis montri en tiu verko Dion, la naturon kaj la tutan homan mondon per bildoj kaj per mallongaj frazoj. La instrumetodo laŭ la libro estas la sekva: En la libro la partoj de la bildo havas numerojn, al kiuj apartenas la vortoj de la teksto. La ler-

nanto denombras la partojn de la bildo kaj tralegas la rilatantan tekston. Tiel estante ĉiam antaŭ la okuloj, li eklernos paŝo post paŝo la elparolon de la voĉoj kaj la skribadon de la literoj samtempe.

La libro estis tre serĉata siatempe, kion pruvas, ke oni eldonis ĝin en multaj landoj kaj en multaj lingvoj.

En Sárospatak Komenio plene organizis la gepatralingvan instruadon kaj la triklasan latinan lernejon, la t.n. VIA-klasojn. La VIA-klasoj ricevis sian nomon laŭ la lernolibroj, uzataj en ili:

| | | |
|---|---|---|
| Vestibulum | (antaŭhalo) | lernolibro por la 1-a klaso |
| Ianua | (pordo) | lernolibro por la 2-a klaso |
| Atrium | (halo) | lernolibro por la 3-a klaso. |

La komencaj literoj de la latinaj titoloj same formas memstaran latinan vorton: VIA. Via signifas: vojo. Laŭ Komenio ĝi signifas: vojo al la aŭtoroj.

La trian parton de la VIA-lernolibroj, la libron *Atrium* Komenio aperigis la unuan fojon en Sárospatak. Oni devas mencii ankaŭ tion, ke pli frue Komenio okupiĝis preskaŭ nur pri la latina lernejo, la problemoj de la bazlerneja instruado komencis interesi lin en Sárospatak.

En la didaktikaj verkoj, skribitaj en Sárospatak, Komenio konsideris la lokajn spertojn, do ili diferencas de la antaŭe verkitaj libroj. Ekzemple la plano de la pansofia lernejo ne estas la perfekta kopiaĵo de la plano de la latina lernejo, eksplikita en la *Didactica*. La lernolibroj same ne estas nuraj tralaboraĵoj de la antaŭaj eldonaĵoj. La faktoj atestas pri tio, ke la eduka sistemo de Komenio ne estis rigida, sed ĝi ŝanĝiĝis kune kun la postuloj dum la jaroj. En Sárospatak Komenio malkovris eĉ kelkajn erarajn konstatojn en sia sistemo kaj sekve de tio ekz. li malpliigis la kvanton de la studmaterialo.

Ĝis 1650 Komenio okupiĝis ĝenerale pri la teorio de la pedagogio, kaj la edukado en la praktiko estis nur akcesoraĵo de lia laboro. En Sárospatak li havis eblecon elprovi siajn principojn en la praktiko.

**Bibliografio**

KOVÁCS Endre: Comenius Magyarországon (Komenio en Hungario), Budapest, 1970.

RÁCZ Lajos: Comenius Sárospatakon (Komenio en Sárospatak), Budapest, 1931.

# Orbis Pictus – La mondo per bildoj

**MOLNÁR László (Hungario)**

Tiu ĉi artikolo estas redaktita teksto de prelego dum Pedagogiaj Tagoj '92 en Budapeŝto.

*„Kiu naskiĝis homo, ellernu montri sin homo"*

La XV–XVI-aj jarcentoj – epoko de Komenio – donis multe da elstaraj eminentuloj, pensuloj por scienco kaj la tuta homaro, kiuj kapablis resumi ĉiujn sferojn de konoj de la historia periodo kaj laŭ la reguloj de la teorio-konstruado fari tiujn esencajn transformiĝojn en ĝi, kiuj rezultis la riĉiĝon de la homa konscio, kondukis al novaj inventoj, kontribuis al plifortigo de la naturscienca vidmaniero, post kies superpaŝo iom post iom elformiĝas la nocio-teorio.

Trastudinte verkojn de Komenio oni povas konstati la influojn de elstaraj filozofoj je lia laboro. La sensualismo de LOCKE, racionalismo de DESCARTES aŭ la filozofio de BACON kune instigis lian laboradon.

Observante la tiaman filozofian pensadon kaj sociajn cirkonstancojn Komenio divenis tion, ke la problemoj povas esti solveblaj nur komplekse. Li turnis sin kaj intersiĝon al homo kaj komencis okupiĝi pri ĝia rolo kaj loko en surtera vivo. Li prilaboris la modelon de la t.n. pansofia lernejo, kie geknaboj devas ellerni ĉiujn konojn. Tiun lernejon Komenio rigardis laborejo de la lumo kaj ilo de plibonigo de malkorektaĵoj de la tuta socio.

La fundamento de la didaktikaj principoj de Komenio estis lia opinio kontraŭ la skolastika filozofio. Li alte taksis la teorion de Bacon pro tio, ke li dediĉis sian atenton al la graveco de la empiria, do direkta persensa ekkono de la realaĵo. Komenio akceptis la ĉefideon de la verko de Bacon *Novum Organum* (Nova Organo), laŭ kiu oni povas ekkoni nur tiom, kiom oni forprenis al si mem el la naturo. Pere de indukcio oni povas pli profunde malkovri la sekretojn de la objektiva realaĵo. Do laŭ Komenio la ekkono de la naturo helpe de sentorganoj donas fidindajn, verajn sciojn. Tiamaniere fariĝas la scienco potenco.

La taskojn de instruistoj li difinas jene: „Kion geknaboj devas ellerni,tion la instruisto prezentu tiel klare, kiel siajn kvin fingrojn." Se la realaĵo estas atingebla, ekkonebla pere de sentorganoj, la tasko de la instruisto estas lernigi al geknaboj la ĝustan metodon de la alproprigo de la naturo.

Laŭ la eseo de eminenta filologo GERÉB György sube mi demonstros tiujn kernajn karakterizilojn, kiujn instruistoj devas apliki por fari la studprocezon natura.

Natura estas tio, kio altiras, motivas geknabojn por plua, konstanta agado. Kia metodo estas natura laŭ Komenio?

- Tiu lernado, kiu donas multe da utilaj, firmaj konoj.
- Tiu agado, kiu adaptiĝas al la aĝeblecoj de gelernantoj.
- La lernado estas pli facila, se la studmaterialo estas varia.

- La atenton de geknaboj kaptas, se la instruisto dum agado eliras el la tuto kaj iom post iom iras al la detaloj.
- Por geknaboj instruistoj donu nur pravajn konojn, neniam erarigante ilin per mensogoj.
- Geknaboj klopodas ellerni la realaĵojn. Estas ege grave por ke ili ekkonu la esencon de la aferoj, ricevu respondojn je la demandoj.
- La aferoj devas esti konfirmitaj per argumentoj por geknaboj.
- La edukatoj per siaj propraj sentorganoj kaj racio komprenu la veron de la naturaj fenomenoj.
- Ekkoninte la aferojn, geknaboj konatiĝas kun ĝia estiĝo, evoluo, komprenas la rilatojn inter ili. La tiamaniere akiritajn konojn ili povas sukcese apliki en praktiko.
- En tiu studproceso la sensado, komprenado kaj agado aperas en organika unuo.

En tiu pansofia lernejo de Komenio „lingvojn oni lernas ne kiel kompletiga parto de la kulturo aŭ sciencoj". Li rigardis la lingvon la plej taŭga ilo por alproprigi diversajn konojn kaj li okupiĝis pri la problemoj de ĝia rolo en la individuala kaj socia agado de la homo. Same kiel nuntempe, ankaŭ en la tempo de Komenio ekzistis multaj lingvoteorioj. Unu el la difektoj, malperfektaĵoj de tiuj teorioj (eĉ ankaŭ nuntempe troveblaj) estas rekondukeblaj al la striktigo de la lingvaj funkcioj, al tio, ke oni – scienculoj, esploristoj de la lingvo – observas nur unu – ĉefe la logikan aspekton – de ĝi kaj preteratentas ke la lingvo havas kunmetitajn tavolojn, de kie ĝi akiras, ricevas diversajn – emocian, volan – specifecojn.

Laŭ Komenio la menciitajn tavolojn la lingvo akiras ekskluzive dum proceso de la homa alproprigo. Ĉi tio el pedagogia vidpunkto estas ege grava: koncerne la rezultojn de la studado de gelernantoj ĝi substrekas la gravecon de la daŭra, kontinua lernado, laborado.

En lingvolernado anstataŭ la lernado de gramatikaj reguloj, li proponas intensan ekzercadon kaj ripetadon. La gramatikon oni instruu induktive, elirante ĉiam el la parolaj faktoj al la lingvaj kategorioj kaj uzu abunde demonstrilojn, bildojn ktp. didaktike celkonscie pripensitajn. Laŭ liaj klopodoj bildoj, demonstriloj fariĝis organika kaj aktiva faktoro de la instruista proceso.

Hodiaŭ la instruado de lingvoj kompare kun epoko de Komenio okazas en malsamaj cirkonstancoj. Ĉi-rilate ĉio okazas helpe de modernaj aparatoj, komputiloj, sed estas tute ne certe, ke la rezultoj estas pli bonaj, ne parolante pri tio ke la sensistemigita studmaterialo el pedagogia vidpunkto estas malbona. Videoaparato, magnetofono estas modernaj helpiloj, sed se uzataj nur pro tio ke ili estas laŭmodaj, ili perdas altirforton, la lernantoj alkutimiĝas, sekve ili nenion novan alportas.

Komenio dum sia tuta vivo klopodis krei la enciklopedian sintezon de ĉiuj sciencoj. Jam en la libro *Didactica Magna* (Granda Didaktiko) li priskribis sian planon por kompili libreton por infanoj, kies bildoj-demonstriloj evoluigas la perceptokapablon kaj informas ilin pri bazaj konoj. Dum lia hungaria restado inter 1651 kaj 1659 li serioze okupiĝis pri la problemoj de instruado de gepatra kaj fremda lingvoj. Jam en 1651 en sia libro *Schola pansophica* (Lernejo pansofia) li skribis pri tio, ke li volas kompili bildseriojn por dekori murojn de la lernoĉambroj. Do jam en tiu tempo li turnis la atenton al demonstrado laŭeble natura aŭ bilda.

Prototipo de tia enciklopedia verko estas *Orbis Pictus* el 1658. Ĝi estas lernolibro de legado kaj lingvostudado eĉ trezorejo de diversaj konoj pri la mondo, interesa, ilustrita, porinfana libro. Ĝian teorian bazon determinas la pansofia-enciklopedia karaktero, la metodologian opinion natureco, kaj didaktika principo de la demonstrado. Li klopodis plenumi tion, kion li koncize surpaperigis: „Ĉio realiĝu nature, tenu sin perforto flanke de la aferoj".

La libro laŭ Komenio estas utila ĉar ĝi helpas la enmemorigon de la konoj; ekŝatigas la legadon kaj alportas estetikan ĝuon.

Li konstruis en ĝi sian propran pensosistemon, en kiu ĉio havas sian konceptan kaj konkretan lokon. Pro tio oni povas diri, ke spite al kelkaj mankantaj ĉeneroj, la libreton kuntenas forta kohereco.

La strukturo de la libro estas profunde pripensita el pedagogia vidpunkto.

La unua frazo de la tiel nomata *Enkonduka parolo* povas servi moto por la tuta libro: "Kuracilo kontraŭ stulteco estas scienco, kiun la lernejo devas verŝi en la kapojn de la lernantoj, tiamaniere, ke ĝi fariĝu prava, perfekta, klara kaj utila scienco". Li taksas sian libron utila unue por riĉigo de la menso, due por stimulo de la atento, trie por ellernado de la konoj ludeme, serĉade. Krom tio, per ĝi la geknaboj pli facile alproprigos lernadon; en hungarlandaj lernejoj – uzante ĝin nacilingve – la lernantoj povas konatiĝi kun bazaj gramatikaj konoj de la lingvo kaj fine per ĝia helpo latino estos pli facile ellernebla.

Post la Enkonduka parolo sekvas la *Alparolo*, en kiu – forme de dialogo – parolas Majstro kaj Infano pri la saĝeco kaj metodo de la alproprigo de la konoj. Post tiu parto troviĝas la alfabeto, klarigita per demonstriloj. La libro mem enhavas 150 bildojn-demonstrilojn kun komentoj. Fine de la libro troviĝas vortareto.

*Orbis Pictus* estas lernolibro, helpe de kiu Komenio plenumis siajn metodologiajn esploradojn. La metodologia principo de la demonstrado alvokis por batalo kontraŭ la senraciaj, dogmatikaj teorioj, konoj kaj metodoj. La enhavo de ĝia ĉiuskala scio profunde skuis la t.n. skolastikan sistemon de konoj.

Laŭenhave kaj laŭproporcie la materialo de la libro montras la jenan bildon:

1. Teologiaj kaj etikaj konoj sumas kvazaŭ 11 %-ojn de la tuto

2. Biontologiaj, antropologiaj, kozmogoniaj, teknikaj, fizikaj kaj kemiaj konoj sumas ĉ. 37 %-ojn
3. Agrikulturo kaj bredado, industrio kaj komerco proks. 23 %-ojn de la tuto. Estas okulvideble, ke anstataŭ la mezepoka sofismo enpaŝas studmaterialoj pretenditaj de la evoluiĝantaj industrio, komerco, scienco kaj civitana vivo.

La libreto *Orbis Pictus* servis kiel batalilo kontraŭ la skolastikaj kaj dogmatikaj teorioj, konceptoj. Kun profunda konvinkiĝo Komenio esperis metamorfozon, ŝanĝiĝon de la homaro.


JOH. AMOS COMENII
ORBIS SENSUALIUM PICTUS
TRILINGUIS.
*Pictura & Nomenclatura*
LATINA, GERMANICA & HUNGARICA.
Die sichtbare Welt
A' Látható Világ
es Deák, Német, és Magyar megnevezése.
NORIBERGÆ,

En la tuta verko oni povas retrovi la bazajn ideojn de pansofio. Pansofio estas rigardebla direkta ilo por homa feliĉo, prosperigo, garantiaĵo de leviĝo de ĉiu homo. Komenio atendis ke ĉiuj konoj estos alproprigeblaj, la tuta homaro pliboniĝos kaj alvenos epoko de la mondpaco.

Pansofiaj konoj helpas kompreni leĝojn de la naturo kaj racie utiligi ilin. Komenio, adaptante la vidpunkton de Bacon, defendas la sciencon kaj donas en manojn de siaj geknaboj libreton pri modernaj aĵoj. Observante la studmaterialojn de *Orbis Pictus*, oni povas konstati, ke unue ĝi estas larĝskala, due troviĝas en ĝi la plej novaj tiutempaj sciencaĵoj.

Estas vere, ke tiuj pansofiaj-enciklopediaj klopodoj de Komenio estas kelk-loke utopiaj, sed en tereno de pedagogio kaj lingvoinstruado ili estas tute realaj, progresivaj.

Mi opinias, ke la plej difina faktoro de la aktualeco kaj influado de la verko *Orbis Pictus,* la ŝlosilo de la solvoj de ĝiaj sekretoj estas opinio de Komenio pri la homo. En lia pedagogia sistemo infanoj devas fariĝi kulturitaj. „Nur tiu homo meritas la epiteton kulturita, kiu en ĉiu agado, konduto iĝas pli humana, kontinue klopodas por ĝusta pensado, por akiro de pravaj konoj; la kreativa laboro estas determina elemento de lia vivo kaj lia parolo, lingvouzo estas karakterizita per pretendemo."

**Bibliografio**

Geréb György: Orbis Pictus de Komenio. Pedagogia Revuo 10. 1958.
Bakos József: Komenio, la lingvisto. Ĝeneralaj Lingvistikaj Studoj XIII. 1981.
La citaĵoj devenas el verkoj de Komenio *Orbis Pictus* kaj *Didactica Magna.*

# Ĉu „epiteto" aŭ a-frazero?

SHAO Rong (Soliva) Ĉinio

Verkita por la simpozio pri gramatiko de la Ĉina Societo pri Esperanto-instruado en Superaj Lernejoj, 1991.

La verko PAG[1] ĝuas grandan prestiĝon tra la tutmonda Esperantujo. Ankaŭ ni ĉinoj rigardas ĝin kiel bazan. Tio tamen ne signifas, ke ĝi ne estas tuŝebla. Laŭ mia malriĉa informiĝo jam C. Piron[2] kaj J.-F. Farjon de Lagatinerie[3] ĝin kritikis. V. Oljanov[4] faris konkretajn kritikojn kontraŭ ĝi, kaj L. Miĥajlov[5] argumentis kun li. Efektive ĝi aspektas iom (se ne tro) komplikita el la vidpunkto de ni ĉinoj kaj ankaŭ el tiu de instruisto. Ja same opinias ankaŭ okcidenteŭropanoj A. Childs-Mee[6] kaj C. Piron. Se la enhavo de PAG, ampleksanta 528 paĝojn, ne povus esti grande simpligita kaj sekve formulita, ĝi ja daŭre fortimigus eĉ azi-afrikanajn progresintojn, se ne paroli pri eŭrop-amerikanoj, kiel ni do rapide disvastigu la lingvon? En tiu ĉi artikoleto mi traktos la nociojn *epiteto* de PAG kaj *a-frazero*, proponita de ni, ĉinoj, preterlasante la nociojn *suplemento* kaj *adjekto* de PAG pro ne-trolongigo de la artikolo, kvankam ambaŭ rilatas, laŭ ni, al la priparolataj nocioj kaj ankaŭ inter si, nur fine de la teksto donante difinojn pri *e-frazero* kaj pri *senpostena frazero*. Post la teksto troviĝas kolekto de novaj terminoj ĉi tie uzitaj kaj bibliografio, kies erojn indikas la ciferoj en la teksto.

**I. Ĉina difino**

En ĉinaj verkoj oni havas komunan komprenon pri la nocio, kiun ni ĉi tie nomas *a-frazero*. Temas pri kvar gramatikaj libroj kaj tri lernolibroj, inkluzive miajn[7-13]. Ni metas la nocion surbaze de senco en frazo. Jen mi formulu la difinon:

**A-frazero** estas frazelemento, kiu funkcias tiel laŭsence ne frazo, kiel a-vorto (adjektivo) rilatas al o-vorto (substantivo). Ĝia ĉina ekvivalento estas [dingyu].

Ni tabeligu la a-frazeron, epiteton kaj rilatan „suplementon" de PAG jene:

| | a-frazero | epiteto | suplemento |
|---|---|---|---|
| vorto | *bela* floro<br>*surdoma* ĝardeno<br>la reĝo *Karlo*<br>kapablo *paroli*<br>vojaĝo *Pekinon*<br>irado *hejmen* | *bela* floro<br><br>la reĝo *Karlo* | <br>*surdoma* ĝardeno<br><br>kapablo *paroli*<br>vojaĝo *Pekinon*<br>irado *hejmen*<br>ĝardeno sur *domo*<br>urbo norde de la *rivero* |

| | a-frazero | epiteto | suplemento |
|---|---|---|---|
| je-vorta* (vort)bloko (prepozitivo) | ĝardeno *sur domo* urbo norde *de la rivero* | | |
| subfrazo (propozicio) | La decido, *ke oni ne akceptu virinon*, estas tre atakata. | La decido, *ke oni ne akceptu virinon*, estas tre atakata.** | |

*Mi proponas la esprimon *je-vorta (vort)bloko* anstataŭ *prepozitivo* ankaŭ pro ties senco kun kazo tute nenecesa.

** PAG la subfrazon unue rigardas suplementa kaj tamen tuj poste apartenigas al la epiteta (p. 207.)

Ni indiku ankaŭ per desegnaĵoj iliajn rilatojn:






**II. Komparo kaj analizo**

1. A-frazero staras sur 3 etaĝoj: vorto, vortbloko kaj subfrazo, dum al la epiteto mankas la vortbloko kaj por la suplemento estas nur la etaĝo de vorto. Se oni tranĉas frazon ĝis la vortoj kaj inverse rekomponas la frazon tiel el la unuopaj vortoj, kiel la prapatroj antikvaj faris en evoluo de lingvo, li verŝajne trairas la interan etaĝon de vortbloko. Ekzemple, kion oni povas eltiri el la vortopo *li, iras, akvo*? Ĉu *li iras al akvo* aŭ *li iras de akvo*, aŭ...? Nepras je-vorto (prepozicio). Kiam por formi la frazon oni metas la je-vorton *al* aŭ *de* antaŭ la vorton *akvo*, ili kune tuj fariĝas nedisigeblaj. Preskaŭ ĉiu vorto havas sian funkcion en frazo.

Ĉu la je-vorto ne devas havi sian propran nomon frazikan (sintaksan)? Kiam ĝi ankaŭ havas sian sencon krom „submeti substantivon, pronomon, ... sub alian substantivon". (PAG, p. 54.) Tial *je -frazero* ni nomas ĝin en frazo, kaj ankaŭ la sekvantan elementon ĝia *senpostena frazero*. Alivorte la je-frazero kaj ĝia senpostena frazero kune en frazo formas nedisigeblan blokon, kiu funkcias en la frazo kiel a-frazero aŭ e-frazero, ktp.

2. Kiel montrite en la supraj tabelo kaj desegnaĵo, al la frazero ni apartenigas, laŭ ĝia senco en frazo sen konsideri strukturon, la vorton aŭ blokon, kiun PAG strukture difinas epiteto aŭ suplemento de o-vorto (substantivo) respektive. Tiel, eble preskaŭ ĉiuj suplementoj de PAG apartenas al aŭ a-frazero aŭ e-frazero; restas, se eventuale, nur tre malmultaj, ankaŭ kiujn ni povas rigardi senpostenaj frazeroj. (vd. III)

3. PAG ekiras el strukturo. Ĝi difinas en p. 55.: „La regula formo de suplemento estas prepozitiva". Kaj „La vera epiteto ne toleras transformon". Traktante la distingon inter ili, PAG petas cerbumi, ĉu povas transformiĝi en je-vortan vortblokon (prepozitivon) tia, kia *paroli* en *kapablo paroli* aŭ *patra* en *patra amo*, ĉiufoje kiam oni devas determini ties frazerecon. Ekzemple, kvankam *paroli* kaj *patra* estas determinantoj de la o-vortoj *kapablo* kaj *amo* respektive, tamen ili ne estas epitetoj, ĉar la rilataj vortgrupoj transformeblas respektive en la formojn *kapablo de parolo* kaj *amo de patro*. Ĉu oni do povus toleri tian cerbumadon? Sed tio tamen eviteblas por nia divido de kategorioj.

4. Laŭ PAG, „la epiteto estas frazelemento senpere determinanta substantivon aŭ pronomon." (p. 182.) Ĉi tie temas pri la a-vorta epiteto kompreneble. Kial do PAG plivastigas la nocion de epiteto al e-vorto (adverbo), rigardi epiteto la e-vorton, kia *tre* en *tre bela* kaj en *tre bele*? Kvankam ja „tio ne estas konforma al la naciaj terminologioj". (p. 208.) Eble la respondo kuŝas en la rimarkoj I–II. sampaĝe. Rimarko I koncernas la el a-vorto derivitan e-vorton, kia *ekstreme* en *ekstreme bela pentraĵo*. Oni devus retroformi la vortgrupon en „respondan" formon *ekstrema beleco de pentraĵo* (ĉu vere ili respondas inter si sence?) kiel ekzemple ĉi tie, nur ĉar la radiko *ekstrem* estas a-vorteca. Tiam oni vidus la *epitetecon* de la e-vorto *ekstreme*. Oni do devus toleri alian cerbumadon! Ĉu tio konformus al ordinara kaj normala pensado? Rimarko II des

pli instruas al oni alian transformon, kiu devigas al la primitiva e-vorto iri en la a-vorton. Ekzemple, *tro riĉa* – *troa riĉeco*. Se la retroformado ne estus arbitra kunligaĵo, ĉi tiu estas ja vere tia superflua komplikaĵo. Krome, ekzistas ankoraŭ esceptaj okazoj, kiam „la adverba epiteto estas esprimita per alia radiko ol la adjektiva", (p. 208.) kiel ekzemple *granda forto* – *tre forte* kaj *malgranda malagrablaĵo* – *iom malagrabla*. Tio evidente malunuecigas la transformadon. Do, laŭ PAG, unuflanke la a-vorta epiteto ne toleras transformon (en je-blokon), sed aliflanke la e-vorta epiteto tamen toleras transformon (en la a-vorton), eĉ se escepte. Unu nocio, du kriterioj!

Tiel, laŭ PAG, sama primitiva e-vorto, kia *tre* ĉi tie, rolas ne nur kiel jen „adjekto" en *tre bedaŭras*, jen suplemento en *tre bedaŭranta*, sed ankaŭ kiel epiteto en *tre bele*. Tamen la tri okazojn entenas en si la e-frazero (vd. III), por kiu neniu transformado necesas. Tial la terminoj – ĉina *dingyu* kaj *epiteto* de PAG – ne ekvivalentas inter si en amplekso. Oni ne ĉinigu *epiteto* per *dingyu*, kaj inverse.

**III. Aldonaj difinoj**

Simile ni povas difini e-frazeron kiel jene:

**E-frazero** estas frazelemento funkcianta laŭsence en frazo same, kiel e-vorto (adverbo) rilatas al a-vorto, i-vorto (verbo) aŭ alia e-vorto. Ĝia ĉina ekvivalento estas [zhuangyu]. Tial la nocioj e-frazero kaj *adjekto* de PAG ne ekvivalentas amplekse inter si, sed kiel montrite de unu supra desegnaĵo, la posta enteniĝas tute en antaŭa: adjekto  e-frazero. Oni do ne ĉinigu la terminon *adjekto* per *zhuangyu*, kaj inverse.

Ni finas ĉi tiun tekston per la difino de senpostena frazero:

**Senpostena frazero** estas frazelemento, kiun oni povas neniel apartenigi aŭ ne povas provizore apartenigi al ĉiuj alispecaj frazeroj, precipe al a- kaj e-frazeroj.[13] Ĝia ĉina ekvivalneto difiniĝas per [buyu], kiu tamen evidente alias nocie kaj sence ol la jam ekzistanta ne-ekzakta ĉina traduko *buyu* de la *suplemento* de PAG. Kiel dirite, la elementon (vorton aŭ vortogrupon), kiu postsekvas la je-vorton en frazo, ni nomas senpostena frazero de la je-frazero.

Kolekto de ĉi tie uzataj novaj terminoj

1. a-frazero (vd. la difinon)
2. a-vorto = adjektivo
3. e-frazero (vd. difinon)
4. e-vorto = adverbo
5. frazero = frazelemento
6. fraziko = sintakso
7. i-vorto = verbo
8. je-vorta (vort)bloko = prepozitivo
9. je-vorto = prepozicio
10. je-frazero (vd. la difinon)
11. senpostena frazero (vd. la difinon)
12. subfrazo = propozicio
13. (vort)bloko (nemiskomprenebla mallongigo en kunteksto: bloko) = nedisigebla bloko da vortoj
14. vortopo = aro da unuopaj vortoj

**Bibliografio**


1. PAG = K. KALOCSAY k G. WARINGHIEN: Plena analiza Gramatiko de Esperanto, 4-a eldono, Rotterdam, 1980.
2. C. PIRON: La bona lingvo, Vieno 1989.
3. J.-F. FARJON DE LAGATINERIE: Lanco por la Zamenhofa lingvo, Esperanto 1990/2, pj. 33–34.
4. V. OLJANOV: La Plena Analiza Gramatiko de Esperanto, Esperantismo, 1988, pj. 515–526.
5. L MIÑAJLOV: Pri unu vorto de kritiko kontraŭ Plena Analiza Gramatiko de Esperanto, samloke, pj. 463–478.
6. A. CHILDS-MEE: Urĝe bezonata (...) estas gramatiko de la lingvo, kiu malkomplikos la enhavon de PAG, Esperanto, 1988/7–8.
7. LIU Hongyuan: Praktika E-a Gramatiko, Huainan, 1981.
8. WEI Yanshu k.a.: E-gramatiko
9. LI Shijun k.a.: Nova lernolibro de E-o, Beijing, 1985.
10. SHAO Rong (Soliva): Esperanto, Dalian, 1986.
11. ZHAO Xuegang k.a.: Konciza gramatiko de E-o.
12. CAO Donghai: Nova gramatiko de E-o, Wuhan, 1988.
13. SHAO Rong (Soliva): Lernolibro de Esperanto en Sciencoj kaj Teknikoj, reviziita eldono, Dalian, 1989.

## Instruu paroli!

**May BIJLEVELD (Brazilo)**

Komparante naciajn lingvojn kun Esperanto, ni vidas kiel la plej gravan diferencon: en la unuaj granda kvanto da reguloj, kiujn la lernanto ne povas libere apliki sen la kono de multegaj esceptoj, kaj en Esperanto malmultaj reguloj kiujn li povas ĉiam apliki laŭ sia volo.

Tial la reguloj en Esperanto estas por la lernanto interesa ludilo kiun ni devas ne malhavigi al li, dum la reguloj en naciaj lingvoj povas prezenti veran koŝmaron.

Konsiderinda faktoro estas ankaŭ la celo de la lernado: kiel la lernanto(j) volas uzi Esperanton post la kurso? En Eŭropo pro la multaj lingvoj kiuj okupas malgrandajn regionojn, la celo de Esperanto estas ĉefe paroli. Kontraŭe en Sud-Ameriko ekzistas nur la similaj portugala kaj hispana, ekskludante la indiĝenajn lingvojn, ĉar tiuj estas uzataj nur en la triboj. La indiĝenoj, kiuj regule kontaktas blankulojn, parolas ilian lingvon. Admirinde, ĉu ne? Do, por internaciaj kontaktoj ene de Sud-Ameriko neniu sentas la neceson de alia lingvo. Nur malmultaj Sud-Amerikanoj transiras la oceanojn. Tamen, la Sud-Amerikanoj ne volas izoliĝi sin pro tio. Kontraŭe, ili volas amikiĝi kun malproksimaj alilandanoj. Tial, kiam ili lernas Esperanton, ilia ĉefa celo estas korespondi kaj legi alilandajn librojn kaj revuojn.

Pro tio al pluraj instruistoj plej gravas la instruo de legado, skribado kaj tradukado. Ĉu tial la instruo devas esti unue kompreniga, ne paroliga? Aŭ ĉu ekzistas aliaj konsiderendaj faktoroj?

Kiam ni parolas pri iu aŭ io bone konata, tiam ni mense vidas tiun personon aŭ objekton. Nia cerbo havas imagkapablon. La sama okazas kiam aliaj personoj parolas pri iu aŭ io. Ni vidas interne kion niaj fizikaj okuloj ekstere ne vidas.

Kiam ni memoras iun grandan bruon kiu okazis antaŭ kelka tempo, ni mense aŭdas tiun bruon denove, sed niaj fizikaj oreloj aŭdas nenion. Same, kiam iu volas inventi alian tekston por konata melodio, li povas mense kanti tiun melodion por trovi novajn vortojn. Do, nia cerbo havas vidan kaj aŭdan imagkapablon. Tia estas nia imagkutimo. Eble la sama povas okazi kun flaro kaj gusto, sed ne tiel klare.

Kiam ni legas, ni transformas la videblajn literojn en vortojn, kiujn ni mense aŭdas. Ĉar, antaŭ ĉio, lingvoj estas muziko. Infanoj lernas paroli aŭskultante la sonon de la lingvo, kaj imitas tion. Surdaj beboj nur rigardas la buŝon de la familianoj, sed ne aŭdante la sonon, ili ne lernas paroli. Ĉiu vorto unue reprezentas sonon, ĉiu frazo reprezentas melodion. Nur la sono donas vivon al la lingvo.

Kiu lernas fremdan lingvon el libroj, sed neniam aŭdas ĝin, imagas la prononcon laŭ sia propra lingvo kaj tute certe eraras.

Lingvo ne estas aro da videblaj literoj. Lingvo estas aro da sonoj. La unua memoro fiksas aŭdante la sonon. Ĉe tiuj, kiuj jam scias legi, la dua memoro fiksas la vorton rigardante la skribmanieron. La dua helpas la unuan, sed neniam povas agi sola.

Antaŭ 70 jaroj, en Nederlando, oni jam akceptis la aksiomon: unue aŭdi, due bone prononci, poste legi kaj skribi. Ni lernis la anglan komencante per tre simplaj frazoj skribitaj en fonetika ortografio. Flanke estis la nederlanda traduko en normalaj literoj. Tutan libron ni tralaboris tiamaniere, ĉiam kun pli komplikaj frazoj kaj pli granda vortaro.

La dua libro donis la saman tekston, sed normale (laŭ angla vidpunkto) skribita. Nur tiam ni lernis skribi la lingvon, kiam ni jam parolis. La tria libro klarigis la gramatikon, analizante tion, kion ni jam kapablis diri.

Ankaŭ en Rio de Janeiro en lingvoinstituto kie mi intruis oni uzis unue la fonetikan ortografion kaj ne tuj montris la anglan skribmanieron pro la danĝero ke la lernantoj inventos eraran prononcon. Tiel la nova lingvo vivas en la oreloj de la lernantoj.

Se iu povas legi kaj skribi sed ne parolas, li ne aŭdas mense kion li legas kaj skribas. Tiam la lingvo estas nur senviva aro da nigraj literoj. Kiel li povas meti siajn sentojn en sensonajn nur videblajn literojn? Tiel „bone instruita" surdulo ne ŝatas legi librojn. Al nuraj presliteroj mankas la muziko!

Kiu studas muzikon, devas praktiki kun instrumento, ekzemple piano. Por paroli ni bezonas alian instrumenton: la buŝon. Do ni praktiku nian instrumenton, ĉiutage, en laŭta voĉo. Andreo Cseh diris: „Se vi havas neniun al kiu vi povas paroli por praktiki la lingvon, parolu al via hundo aŭ kato." Kaj kreu mense videblan imagon de tio pri kio vi parolas. Pensu en la nova lingvo, ankaŭ aŭdante ĝin.

**Efika kaj amuza maniero por paroligi la lernantojn**

La lernantoj devas vive partopreni en la leciono, uzante sian propran imagkapablon. Tial mi donas listojn da vortoj kun traduko: liston de ĉiaj personoj, kiujn oni povas renkonti aŭ bezoni; liston de verboj; liston de lokoj (kun la ĝustaj prepozicioj) kaj liston de direktoj; liston de momentoj kaj daŭroj; liston de manieroj.

Ni (ofte mi) komencas elektante verbon, ekz. *rompi*. Mi demandas *KIU rompis ion?* Tiam la lernantoj devas inventi iun, neniam realan personon. *Kion li rompis?* Nun ili devas inventi objekton. Se ili ne scias en Esperanto, mi donas la tradukon. *Kie, kiel kaj kiam li rompis? Kies ... estis ...? Ĉu tiu estis kolera (malgaja)? ktp.* Ĉiun demandon la lernantoj devas ripeti en ĥoro, ankaŭ la respondojn. Samtempe ili skribas la inventatan historion, kaj faras separan liston de la novaj vortoj. Ili povas libere elekti la frazelementojn el la listoj, sed se ili volas ion pli, tre bone. Tiel ili povas montri kiuj vortoj interesas ilin. Inter la „personoj" nepre devas esti kelkaj bestoj. Kelkfoje aperas tre amuzaj aŭ interesaj historioj. Sukceson!

# Lingvo-politiko en tri aziaj landoj

La brita imperio delonge mortis, sed plue vivas la influo de la angla lingvo. En pluraj sendependiĝintaj landoj, kono de la angla suspektigis homojn, ke ili restas sub fremdlanda influo. Nun tamen, tiu malbeno iĝis beno, donante avantaĝon al tiuj, kapablaj uzi la lingvon de monda komunikado en komputiko, financo, edukado kaj turismo. Kono de la angla povas esti la ŝlosilo al pintaj postenoj, grasaj salajroj kaj eksterlandaj invest-eblecoj. Inter edukistoj kaj oficuloj en kelkaj mondpartoj, tio renovigas dilemon. Akceli la anglan en lernejoj, foje je la kosto de lokaj lingvoj, kolizias kun aro da kulturaj valoroj. Tri aziaj registaroj, ekzemple, sekvas tri diversajn politikojn — kun miksitaj rezultoj.

**Malajzio:** Post sendependiĝo en 1957, la angla restis la lingvo de regado kaj parte, la lingvo de la ĉinaj kaj hindaj minoritatoj, kiuj superregis en la ekonomio kaj profesioj. La fakto, ke ili malofte pretis lerni la lingvon de la malpli bonfarta malaja plimulto kontribuis al kreskanta rasa tensio. Tra la sesdekoj, studentaj aktivuloj, sub gvido de la nuna Ministro pri Financo, difektis angla-lingvajn afiŝojn proteste je la tro malrapida transiro de la angla al la malaja en lernejoj. Post ras-tumultoj en 1969 arda naciisto, la nuna Ĉefministro, deklaris, ke disvastigo de la malaja estas unu el la ŝlosiloj fini la duarangan statuson de malajoj en sia propra lando.

Nuntempe, Malajzio frontas konkuron por eksterlanda investado de Tajlando kaj Indonezio, kie salajroj malpli altas. Sekve, la angla repopulariĝis. "Ni volas diskonigi Malajzion kiel evoluitan landon, kaj novaj ideoj ĉirkaŭ la mondo estas bazitaj je la angla." proklamas la vic-ministro pri edukado. La Ĉef-ministro mem nun estras registaran kampanjon popularigi la anglan.

Tio necesas, ĉar tuj post la oficialigo de la malaja, la nivelo de la angla abrupte sinkis. Estro de la lingvo-fako en la Universitato de Malajzio: "Eĉ inter instruistoj de la angla, la nivelo estas modesta. Multaj ne kapablas konversacii angle." Por iuj malajoj, por-anglaj agadoj restas polemikaj. Hind-devena parlamentano provokis tumulton pasintjare, kiam li proponis reoficialigi la anglan. La nacia asocio de verkistoj denuncis tion kiel 'minaco al nia kulturo'.

**Honkongo:** Kie registara agado faligis la anglan en Malajzio, lasismo havas similan efikon en Honkongo. Ĉinaj loĝantoj havas fortajn sed kontraŭdirajn opiniojn. Inter si, ili parolas la kantonan; kiu parolas angle ricevas la epiteton: banano — flava ekstere, blanka interne. Tamen, la plimulto de gepatroj insistas, ke la infanoj ĉeestu lernejojn, kie la lecionoj okazas, almenaŭ nominale, en la angla. Kie kaj instruistoj kaj lernantoj estas unualingve kantonaj, la instruado fakte okazas mikse, sekve multaj studentoj bone regas nek unu, nek la alian lingvon. Ĝis nun la registaro rifuzis enkonduki ŝanĝojn, por ke la lernejoj inst-

ruu unuavice kantone, kun specialaj klasoj aŭ lernejoj uzantaj la anglan – cele al altigo de normoj en ambaŭ lingvoj.

La nivelo-falo en la angla evidentas en la Universitato de Honkongo. Vizitanta profesoro en 1968 proklamis: 'Honkongo estas ideale situita iĝi modela 21a-jarcenta dulingva komunumo.' Post jaroj da erarplenaj ekzamenoj kaj balbutantaj studentoj, li foriris, certa ke la verŝajneco por tiu revo 'estas rapide malaperanta.' Li rezignis, kiam ekstra financado por lingvo-instruado estis rifuzita. "Se diplomiĝintoj devas paroli bone la anglan, tio bezonas planadon, programon kaj financadon. Mi ne kredas, ke la registaro havas lingvo-planon. Ĝi nur reagas al lobiado, premado kaj publikeco."

**Singapuro:** En ĉi tiu orda ŝtateto, kie tia hezitado estus neimagebla, oni trovis, ke insista kaj sukcesa politiko pri la angla ankaŭ portas problemojn. La angla estas la instru-lingvo kaj la kutima laborlingvo de ĉi tiu multrasa urboŝtato (78% ĉina, 14% malaja, 7% hinda, 1% aliaj). Pli kaj pli ĝi estas la familia lingvo: 28% de lernej-enirantoj venas el angla-parolantaj familioj. Ĉi tio naskas maltrankvilon. "La ebleco, ke niaj infanoj perdu siajn aziajn kulturajn valorojn estas tre reala," avertas la eduk-ministro: "ni ne volas iĝi pseŭdo-okcidenta socio."

Sekve la registaro ordonis, ke 27% de la lecionoj en ĉiu lernejo devas okazi en la koncerna nacia lingvo. Por la ĉinoj, tio siginfas uzi la Mandarenan. Sed la plimulto de la singapuraj ĉinoj parolas Kantone aŭ aliajn sudĉinajn lingvojn. Sekve ili devas majstri du fremdajn lingvojn, kaj multaj infanoj ne sukcesas.

Sed kiam esploristo proponis malseverigi la postulon pri la Mandarena, kontraŭa reago estis tre forta. Oficuloj defendis la dulingvan politikon kaj fortigis ĝin aldonante unu plian jaron da studado por tiuj, malfortaj en la Mandarena.

Ankaŭ aliaj iamaj kolonioj, kiel Hindio kaj Filipinoj, frontas perpleksigajn demandojn pri taŭga rolo por la angla. Ili prefere evitu la komencan ŝovinismon de Malajzio kaj la hezitemon de Honkongo, favore al pli ellaborita politiko kun klaraj celoj, kiel tiu de Singapuro, konsciante tamen, ke eĉ tio ne garantias glatan pluiron.

Resum-tradukita de SMG, el 'Time', Sept 16, 1991, p. 51, laŭ raporto de Jan Branegan el Kuala Lumpur.

**VARBU NOVAJN MEMBROJN POR ILEI!**

## Konferencoj nacilingvaj pri instruado

"Lingvo kaj komerco" estas la titolo de kolokvo organizota en Gento, Belgio de la 20a ĝis la 22a de novembro 1992. La kolokvo diskutos la bezonojn por lingva komunikado de komercaj kompanioj kaj kiel plenumi ilin. Specife:

- la bezonojn por denaskaj kaj fremdlingvaj parolantoj
- buŝaj kaj skribaj komunikaj bezonoj
- la kontribuo de esploristoj, instruistoj kaj komercistoj
- lingva trejnado en kompanioj (metodologio, helpiloj, mem-lernado, korespondaj kursoj)
- la trejnado de instruistoj
- lingvoj por specifaj celoj, precipe por komerco

Laborlingvoj flandra, franca, germana, angla.
Organizas la kolokvon la Provinca Kolegio por Tradukistoj kaj Interpretistoj, Brusselsepoortstr. 93, B-9000 Gent.

"Teknologio kaj Lingvo-lernado: la stato de l'arto" estas internacia simpozio kun ekspozicioj okazigota en la sud-nederlanda urbo Maastricht de la 12a ĝis la 14a de aŭgusto. Sub la moto 'Bridges' (pontoj) ĝi esploros la ligojn inter diversaj komunikaj teknologioj, inter landoj, inter kulturoj, specife por moderna lingvo-lernado. La laborlingvo estos la angla. Paralelaj sesioj prezentos i.a. komputile asistatan lernadon kaj uzon de elektonikaj vortaroj, kaj gramatik- kaj stil-kontroliloj.

Informoj de CALICO, Duke University, 014 Language Center, Durham, NC 27706, USA, tel. +1 919 681 6455; fakso +1 919 681 6485, aŭ International Language Center, Bredestraat 12, NL-6211 Maastricht; tel +31 43 257052; fakso +31 43 257246.

Intensiva praktika kurso:

# Instrui komunike

## Organizita de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

**Gvidos: Stefan MacGill kaj eventuale aliaj el Budapeŝto**
**Kursejo: Esperanto-Centro, Poprad, Slovakio**
**Datoj: 6a ĝis 9a de novembro 1992.**

### Celo de la kurso:

- Klarigi la filozofion kaj bazajn teknikojn de komunika lingvo-instruado
- Demonstri kaj ekzerci la artojn de demandado, dialogado kaj rol-ludado.
- Baziĝi sur sed ne limiĝi al la verko *Tendaraj tagoj* – la aperintaj kajeroj 1 kaj 2 kaj la preparata tria kajero kaj kaseto.
- Doni praktikajn konsilojn, kiel utiligi difinitajn paĝojn el tiu verko.
- Doni al partoprenantoj la eblecojn mem gvidi prov-lecionojn, kun posta pritakso de gvidantoj kaj aliaj kursanoj.
- Provizi forumon por pritrakti realajn problemojn el la instrua laboro de la partoprenantoj.

### Celatoj de la kurso:

- Unuavice praktikantaj profesiaj lingvo-instruistoj.
- Postvice, ĉiu ajn, kiu staras antaŭ la devo gvidi lingvo-kurson.
- Unuavice, tiuj, kiuj instruas junulojn ĉirkaŭ la aĝoj de 10-14-jaraj, kiu estas la celgrupo de la pritraktota lernolibro – tamen tio ne estas devigo – ni certe tiros konkludojn validaj ankaŭ por instruado de aliaj aĝ-grupoj.
- Ni celas internacian publikon – minimume el la diversaj regionoj de Eŭropo – por povi ĉerpi el kiel ebla plej vasta gamo de spertoj.
- La kurso estos maksimume partopreniga; se necese ni laboros en etaj grupoj kaj venigos pliajn gvidantojn.

### La kursejo:

La Internacia Seminario pri Informado okazigita en Poprad en marto 1992 demonstris la taŭgecon de la loko por serioza internacia laboro. (Vidu la foton). Sekve ILEI kuraĝas lanĉi ĉi tiun novan iniciaton. La Centro mem ampleksas kelkajn historiajn domojn ĉirkaŭ placo en vilageca kvartalo rande de Poprad. Busoj ĉiun kvaronhoron ligas ĝin kun la centro de Poprad. La Tatroj kun 2.000 metraj pintoj videblas kaj foras je ĉ. 20 kilometroj.

Manĝojn oni proponas komune en nove malfermita privata restoracio tuj najbare de la Centro mem. Loĝigo eblas en la centro en plurlitaj ĉambroj aŭ en komfortaj privataj apartamentoj (unu-, du- ĝis kvar-litaj) en promen-distanco de la Centro. Surlokas libroservo, bufedo, oficejo.

### Daŭro de la aranĝo:

Ni ofertos tri plenajn tagojn da manĝoj kun tri tranoktoj. Alveno en la posttagmezo de vendredo la 6an de novembro: la unua manĝo estos la vespermanĝo. Foriro posttagmeze de lundo, la 9a; la lasta manĝo estos la tagmeza. Kiu volas resti pli longe por turismumi rajtos pagi por opaj manĝoj kaj tranoktoj.

### Adreso de laCentro:

Esperanto-Centro, Sobotske nám 6, CS-058 01 Poprad; tel. (092) 235 39.

### Preparoj:

Partoprenantoj bonvolu estu jam akirintaj la du kajerojn de la uzota verko kaj tralegintaj ilin. Laŭeble ili estu uzintaj ilin en la instruado kaj estu pretaj fari komentojn pri la rezultoj.

### Kotiz-tabelo po-persona:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Plurlita ĉambro en la Centro: | 48 GLD | 144 SEK | 1400 HUF |
| Apartamento (1- ĝis 4-lita): | 60 GLD | 180 SEK | 1900 HUF |

- Ne-membroj de ILEI kaj lastmomentuloj (post 15 okt 92) pagos 10% pli.
- Eblas loĝi en hotelo, petu per la mendilo informojn pri la kostoj.
- La hungara sekcio de ILEI akceptas aliĝojn de loĝantoj de reform-eŭropo en forintoj laŭ la supra pli milda kotizo.
- Ĉeĥoj kaj Slovakoj bv. turni vin rekte al Poprad pri aliĝeblecoj en kronoj.

**Agrabla kompanio, freŝa aero, bela naturo kaj moderaj prezoj bonvenigas vin ĉiam ajn al Poprad. Nia seminario aldonas instigan laborigan etoson, defiajn komunajn taskojn kaj la eblecon porti hejmen konkrete uzeblajn ideojn kaj teknikojn por pli efika instruado.**



# MENDILO por la kurso 'Instrui komunike'

**Bv. sendi al ILEI, Eso u. 7 III, H-1034 Budapest, Hungario.**

Nomo:..........................................................................................................

Adreso: ......................................................................................................

...................................................................................................................

Profesio:......................................................................................................

Naskiĝ-jaro:................ ....................................... ... Sekso:...............................

Sperto pri instruado de Esperanto:..............................................................

...................................................................................................................

Dezirata atingo el la kurso: ........................................................................

...................................................................................................................

Mi mendas loĝigon ___ en la Centro en plur-lita ĉambro

___ ekster la Centro en ___-lita ĉambro

Dezirataj samĉambranoj:..............................................................................

Mi pagas:

___ en guldenoj al la konto ilek-a ĉe UEA kun klara indiko 'Seminario Poprad'; la pĉk-numero de UEA estas 378964.

___ en svedaj kronoj al la pĉk-konto 682117-7 (Stokholmo) de ILEI, Södra rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio

___ en hungaraj forintoj (mi loĝas en reform-eŭropo) al la hungara ILEI-sekcio, Kovács Márta, E. Ady u. 23, H-1221 Budapest, Hungario. Al hungaroj oni povas sendi poŝtan enpagilon.

Mi pagis la sumon ____________ ____________ en la dato __________

___ Mi estas vegetarano. ___ Mi havas alian dietan deziron......................

Mi planas alveni je............................ per ..............................................

Mi planas foriri je............................ per ..............................................

___ Mi petas sciigon pri hotelaj prezoj.

___ Mi petas sciigon pri pli longa restado antaŭ/post la seminario.

___ Mi petas sciigon pri la ebleco pagi al Poprad en ĉeĥ-slovakaj kronoj.

Subskribo:............................ Dato:......................... Loko:.........................

# NOVA SERVO POR MEMBROJ – LIBROSERVO DE ILEI

Nia ĉefa novaĵo ĉi-numere estas la apero de la dua kajero de la por-junulara lernolibro 'Tendaraj tagoj'. Ĝi ampleksas 52 grand-formatajn paĝojn (dek pli ol la unua) kaj havas plus-koloran preson sur kelkaj internaj paĝoj. Ĝi portas lecionojn 31 ĝis 60, kune kun gramatika resumo, ekzameno, dialogoj, kruc-enigmo kaj sekreta misio librofine. Ĝi prezentas ĉ. tri-kvaronojn de la esenca gramatiko de la lingvo, sufiĉe por ke lernantoj komuniku je internacia skalo; kompreneble la eblecoj prezenti interesajn dialogojn kaj situaciojn multe kreskis kompare kun la unua kajero.

UEA kuneldonis ĝin, sekve ĝia libroservo ofertas ĝin kun triona rabato ekde tri ekzempleroj je prezo de 15 gld. La hungara junularo kuneldonis ĝin, sekve ĝi estas disponebla al hungaroj kaj reform-eŭropanoj per favora forinta prezo: 140 ft (aŭ po 110 ft por mendoj ekde 5 ekz.). Kontaktu la hungaran ILEI-sekcion (adreso dors-kovrile) por mendi.

Libroservoj, instruistoj kaj membroj de ILEI rajtas mendi ĝin de nia propra libroservo je favoraj prezoj. La favoro venas el tio, ke niaj prezoj inkluzivas la surfacajn sendokostojn. Bv. uzi la suban mendilon.

---

LIBRILEI

## LIBROSERVO DE ILEI: MENDILO

Sendu al: ILEI, Esö u. 7 III, H-1034 Budapest. (92/2)

**Grava ŝanĝo:** NE ANTAŬPAGU LA MENDOJN. Ekde nun ni ofertas librojn interŝanĝe akiritajn, da kiuj ni havas nur etajn stokojn, sekve ni ne povas garantii liveron. Kiu plej frue mendas, tiu ricevas! Ni sendos fakturon por la livereblaj libroj kun ili. Fakturoj estos en guldenoj kaj svedaj kronoj. Se vi nepre bezonas fakturon en alia valuto, indiku tion.

Se vi petos aerpoŝtan ekspedon, ni aldonos 10% al la fakturo; surfaca ekspedo estas *inkluzivita* en la prezoj. La fakturo donos plenajn pag-instrukciojn: al UEA guldene, al nia kasisto sved-krone. Ni petas pagon ene de 30 tagoj.

Nomo:..............................................................................

Adreso kien sendi la librojn:..............................................

..........................................................................................

| **Mi mendas la sekvajn titolojn** | **kvanto** | **sumo** |
|---|---|---|
| Tendaraj tagoj, vol 1. 12gld/36SEK ( 9gld./27SEK ekde 5) | ____ | ______ |
| Tendaraj tagoj, vol 2. 15gld/45SEK (10gld./30SEK ekde 5) | ____ | ______ |
| La Danĝera lingvo, Lins. 60gld / 180SEK | ____ | ______ |
| Slovakia antologio. (528p.) 20 gld. / 60SEK | ____ | ______ |
| Anekdotoj pri famaj homoj (60p.) 13gld / 40SEK | ____ | ______ |
| Spegulaj E-insignoj (el Kievo) diam: 2 cm. 3gld. / 9SEK | ____ | ______ |
| Juna amiko, n-ro 92/1 3 gld /9SEK (po 2 gld/6SEK ekde 8 ekz.) | ____ | ______ |
| Juna amiko, n-ro 92/2, sama prezo: | ____ | ______ |
| 'Valoro de Esperanto' (Symoens, angle) 6 gld./ 20 SEK | ____ | ______ |
| 'Valoro de Esperanto' (Symoens, france) 6 gld./ 20 SEK | ____ | ______ |

**Sumo de la mendo:** ______

**Subskribo:**........................ **Dato:**..........................................

**Konferenco:**

Nia dudeksesa konferenco progresas bone, ni nun havas 78 aliĝintojn el dudeko da landoj kaj la nova iniciato — la ILEI-gimnazio — sukcesis altiri sian plenan kvoton de 20 junuloj el kontentige varia gamo da landoj. Ni rezignas aperigi la konferencan programon en IPR, ĉar ĝi malverŝajne distribuiĝos al vi ĉiuj ĝis la evento. La programo estis skizita jam en majo okaze de vizito de du respondecaj estraranoj el Budapeŝto al la konferencejo, konkretigita ĝis junio kaj tiam dissendita cirkulere al ĉiuj sekcioj kaj pluraj reprezentantoj kaj krome kun konfirmilo al konferencanoj 1 ĝis 68.

Malmultaj ŝanĝoj okazis de post tiam: forfalos la seminario de s-ro Hoekstra kaj la prelego de d-ro So Ĵin Su, kiuj ne povos partopreni. La vic-prezidanto de UEA, d-ro Ulrich Lins, partoprenos almenaŭ parte la konferencon kaj alparolos nin dum la malfermo kun tre aktuala temo: 'Eduko kontraŭ naciismo.'

Tre koncize, ĉiutage ni vizitos la gimnazion kaj spektos modelan lecionon aŭ du. Du fakaj prelegoj estos rekte pri Komenio, aliaj pri moderna edukado. Ekskursoj estos unu tut-taga kaj alia urba duon-taga. La Komitato formale havos tri sesiojn, unu kun raportoj de la prezidanto, kasisto kaj estraro, unu pri landaj sekcioj, en kiuj ni klopodos akiri informojn el ĉiuj sekcioj, ne nur pri la propra agado, sed ankaŭ pri la kvanto kaj kvalito de instruado sur la teritorio. Tion ni zorge protokolos kaj provos kompili pli kontentigan superrigardon ol ni ricevas per korespondа enketado. La tria sesio akceptos eventualan rezolucion kaj traktos la estonton. Krome okazos partoprenigaj volontuligaj labor-sesioj, unu pri eksteraj rilatoj kaj informado (Glossop/Symoens), unu pri terminologio (Smideliusz/Mee), unu pri instruado (Barcsay), unu pri ekzamenoj (Kovács).

**ILEI labortable**

**Voĉdonoj:**

La sekcioj estis petitaj voĉdoni en marto pri du novaj regularoj: unu pri akcepto de honoraj membroj, la alia pri premio 'La plej aktiva sekcio'. Por tiu dua propono aŭguras malbone la sciigo, ke el 31 sekcioj voĉdonis nur kvin. Kvankam nia statuto ne devigas tion, la estraro opinias, ke tiu rezulto tro magras por demokrate validi, kaj ke la komitato revoĉdonu en Bratislavo. La rezulto de la voĉdono estis 5 por kaj 3 por kaj 2 sindetenoj respektive. La sekcioj ricevis junie la tekston de la nuna valida statuto.

**Oficejo**

Jen grava temo, pri kiu ni eĉ al la sekcioj ne raportis ĝis nun. Delonge en la planoj de la Ligo estas la starigo de iuspeca oficejo. En majo ni ricevis proponon pri luo de du malnovstilaj lav-ĉambroj en ege bona urbocentra situo en Budapeŝto kontraŭ 6-8,000 forintoj monate. Post multa pripenso ni decidis kontraŭ tiu propono, ne ĉar la sumo estas ekster niaj rimedoj, sed ĉefe pro la grandaj laboroj necesaj transformi la lokojn al uzeblo — por kiu ni malpli facile trovus la monon kaj ne havus la fortojn kaj nervojn por fari aŭ farigi. Aŭdinte nin agonii pri la propono kaj la urĝa bezono por stokejo, ekspedejo kaj laborejo alia ol niaj privataj hejmetoj, la hungara junularo kontraŭ-proponis al ni dividi kun ili sian jam ekipitan klubejon 'Esperejo' en strato Sándor Péterfy (apud la orienta stacidomo).

Ni konsentis kontribui 3000 forintojn monate al la luo (ĉ. 270 SEK aŭ 90 gld.). Ni nun okupis per Juna amiko, Tendaraj tagoj, aliaj libroj kaj pakmaterialoj du grandajn ŝrankojn; jam du ekspedojn ni plenumis tie, kune kun la helpo de klubanoj. En la klubejo troviĝas komputilo de tipo IBM-AT kun la necesaj programoj (Ventura) pretigi IPR, 'Juna amiko' kaj librojn. Efektive, ĉi tiujn liniojn mi kompostigas per tiu maŝino, kiu estas je nia dispono. Ni tre verŝajne portos al Bratislavo proponon pri akiro de brokanta lasera printilo (ĉ. 60.000 forintoj) por permesi al ni loki ĉion necesan por pretigi niajn eldonaĵojn sub unu tegmento. La klubejo ne havas telefonon, kaj ni ne uzos ĝian poŝtan adreson. Ĉiujn korespondaĵojn al ILEI bv. plue sendi al la jam konataj adresoj.

**Juna amiko**

La dua numero por 1992 venos el la presejo al 'Esperejo' post kvin tagoj. Ĝi reliefi-

gos la kontribuon de la nove nomita help-redaktoro, nia honorariato, s-ino Esperantina Mirska. La numero prezentas plurajn paĝojn da materialo — teksta kaj bilda — specife por pli junaj lernantoj (5- ĝis 10-jaraj), ĉar al tiuaĝaj ŝi plej kutimas instrui. En pli longa daŭro ni imagas, ke la profilo de la revuo ŝanĝiĝos favore al la pli junaj, kaj espereble kvalite boniĝos pro la disdivido de la redakta ŝarĝo. La abon-situacio estas ne tro brila — eĉ el okcidento la efikoj de ekonomia stagno konstateblas — dum el oriento la ekonomia kolapso kaŭzas nuligojn da aboneblo en pli kaj pli da landoj. Nur pene ni interŝanĝas kun E-centroj: SEU, 'Progreso', Litovio, Kievo, Rumanio. La abonnombro momente eĉ ne atingas 2000. Alilanke, ni trovis multe malpli kostan presejon kaj ni ricevis subvencion de hungara ministerio.

## Aliaj eldonaĵoj:

La dua kajero de Tendaraj tagoj aperis kaj estas mendebla pere de mendilo en ĉi tiu IPR. 'Bonvojaĝo' de s-ro Paŭlo Gubbins iĝis legebla el la disko ĉe Edistudio kaj ni kredas, ke ILEI plenumis siajn taskojn pri ĝi kaj atendas presprovaĵojn. 'Teorio kaj praktiko de lingvo-instruado' iĝos la titolo de la didaktika verko de Mag. Irena Szanser, kiu nun estas finkompostita kaj enpaĝigita. Ni ĵus ricevis rezultojn de provlegado kaj tuj post ĉi tiu IPR ni faros la lastajn korektojn kaj transdonos en UK al Litovio por presado

## Ekzamenoj

Ni tre ĝojas povi anonci la restarigon de niaj ekzamenoj (elemente kaj meze) en Kultura Centro Esperantista, la loko, kie ili fakte naskiĝis. Sesio okazos de la 15a ĝis la 17a de aŭgusto 1992, kun prepara sesio pli frue por dezirantoj. Sekvas tuj post la sesio kurso por instruistoj. Aliaj sesioj devas okazi en Bulgario kaj Ĉinio en la Pacifika Kongreso.

Re-reviziita versio de la regularo por la supera nivelo estis pretigita surbaze de diskutoj en la CO fine de marto kaj sendita al UEA por distribuo al ĝia Komitato, kiu traktos ĝin en Vieno. Surbaze de la rezulto tie, ni retraktos ĝin en Bratislavo.

## Instruistaj kursoj:

Ni esperas, ke la kurso de Mag. Irena Szanser povos okazi aŭtune en Bialistoko, post apero de la kurso-libro. Sed ne havante klarajn informojn pri datoj, prezoj ktp. ni ne povas anonci ion konkretan. Dezirantoj por tiu kurso bv. skribi al la E-Centro Bialistoko.

Ni tamen konkrete anoncas pli modestan, intensan 3-tagan kurson pri komunika instruado, kiu okazos en la E-Centro Poprad en orienta slovakio. Ĝi ne celas krei pretajn instruistojn el la nula punkto, ĉar en tri tagoj tio ne eblas — sed ĝi volas larĝigi la kapablojn kaj modernigi la teknikojn de niaj nunaj instruistoj. Precizajn detalojn vi trovos kune kun aliĝilo en la mezaj paĝoj de ĉi tiu IPR.

Kaj ne forgesu la diversajn instruistajn kursojn de KCE, aliloke detaligitaj.

## Landaj sekcioj:

Ni celis prezenti per ĉi tiu IPR la rezultojn de la ĉi-jara enketado, sed ni bedaŭrinde ne povas. Alvenis nur 8 respondoj (Aŭstrio, Brazilo, Ĉinio, Finnlando, Hungario, Kroatio, Nederlando, Nord-Ameriko, Svedio). Sed dum vizito de la respondeca estrarano al Budapeŝto fine de majo la jam redakcio konsentis transdoni la respondojn al ŝi por analizo kaj pretigo de teksto por la revuo. Tiu teksto bedaŭrinde ne atingis nin, eventuale pro la poŝtaj kaj/aŭ vivaj malfacilaĵoj en kaj ĉirkaŭ Zagrebo. Ni esperas povi prezenti la rezultojn en Bratislavo, suplementi ilin kaj aperigi ilin en IPR3.

## Eksteraj rilatoj:

Tiu temo sufiĉe gravas ricevi apartan paĝon kaj pli normal-grandajn literojn.

## Kerno:

En la unuaj monatoj de la nuna estrara periodo ni lanĉis la nocion de 'kerno' por ILEI: nome, dudeko ĝis trideko da homoj pretaj agi ne nur ene de siaj sekcioj, sed ankaŭ je internacia nivelo, kadre de niaj diversaj komisionoj. Ni devas konstati, ke nur malmulta progreso sur tiu vojo povis okazi ĝis nun — niaj labor-sesioj estas strukturitaj en Bratislavo cele al la malkovro de novaj kernuloj kaj labor-centroj por transpreni parton de la laboro for de la nunaj tro malmultaj kaj troŝarĝitaj. Pensu, ĉu vi ne trovos vian lokon en komisiono pri terminologio, informado, konkursoj, ekzamenoj aŭ alia.

Kernu kun ni en ILEI! *

De malantaŭ la labortablo salutas via prezidanto,

Budapeŝto, 25 junio 92.

## Niaj eksteraj rilatoj

Ĉiujare la Amerika Asocio de Instruistoj de Esperanto (nia sekcio) aranĝas grupon de tri prezentaĵoj kadre de la jar-konferenco de la Modern-Lingva Asocio (MLA), la plej grava asocio por lingvo-instruistoj en Usono. Ĉi-jare:

- "Esperanto kiel katalizilo por la romanigo de la ĉina" de d-ro Julius Balbin, Essex County College, Newark, New Jersey;
- "Esperanto en Kolegioj: Rektaj kaj ne-rektaj metodoj" de d-ro William F. Orr, New College, Hofstra Universitato, Hempstead, Nov-Jorko;
- "Esperanto por Talentaj Infanoj: Rapida lanĉo en fremdlingvan lernadon, de d-ro Ronald Glossop, Universitato Southern Illinois, Edwardsville,

Nia vic-prezidanto proponis prezentaĵon pri Esperanto sub la titolo: 'Integri globalan edukadon kaj element-lernejan fremd-lingvan lernadon' al la novembra konferenco de la Usona Asocio por Natur-dotitaj Infanoj. Tiu prezentaĵo similas al alia sukcese farita en Nov-Jorko en decembro 1991. Partoprenantoj en la UK en Vieno havos okazon aŭdi d-ron Glossop prelegi, ĉar li estis akceptita kadre de la Internacia Kongresa Universitato (IKU).

Krome, li korespondis pri la raportado de instruado de Esperanto en universitatoj, la instruado de natur-dotitaj infanoj, la uzo de Esperanto kun skoltoj kaj la agadoj de Unesko. Li skribis leterojn al instancoj favoraj al E-instruado en Portugalio, Pakistano, Kolombio kaj Hungario. Li kontaktis la redaktoron de *Enciklopedio de Asocioj: Internaciaj Organizoj* por enmetigi informojn pri ILEI.

D-ro Glossop gvidos laborgrupon pri eksteraj rilatoj kaj informado en Bratislavo. Klaras, ke la agado en Ameriko trafe antaŭeniras, sed por kontentige progresi laŭ simila maniero en Eŭropo, ni bezonas surlokajn aktivulojn el niaj sekcioj, pretaj labori internacie (ne nepre tutmonde, sed ja inter-nacie). Ni serĉos en Bratislavo tiujn aktivulojn, kiuj povos kunlabori kun d-ro Glossop kaj s-ro Symoens kaj la projekto Erasmus.

**Fondaĵo Szerdahelyi subtenas nian edukan laboron; kontribuojn oni sendu al la kasisto de ILEI (adreso kaj konto-numero dors-kovrile)**

| | |
|---|---|
| Rento el 1991: | 1.246:90 SEK |
| Stato je 31 decembro 1991: | 17.844:65 SEK |
| Germain Pirlot, Belgio | 175:23 SEK |
| Elvira Fontes, Brazilo | 199:30 SEK |
| Stato je 31 majo 1992: | 18.219:18 SEK |

**Al la donacintoj ni kore dankas!**

# Ĉu funkcias la angla?

## Rigardo tra la germanlingva gazetaro

Walter KLAG (Aŭstrio)

Dum la lastaj monatoj ofte aperis en germanlingvaj gazetoj kaj magazinoj gazetartikoloj pri la komunikaj problemoj. La ĉiutaga gazeto *Die Presse* raportis la 31-an de marto 1992 pri testo, kiun oni faris ĉe grandaj entreprenoj en Francio. Oni altelefonis tiujn firmaojn angle, sed nur en malplimulto oni sukcesis daŭrigi la paroladon. Tio konformas al enketo, en kiu oni demandis gefrancojn pri la lingvaj konoj. 41% diris, ke ili nek parolas, nek lernas fremdan lingvon. 59% asertis fremdlingvan konon, sed ne estas klare, ĉu temas pri pasiva aŭ aktiva. 52% konas la anglan, 18% la germanan kaj 16% la hispanan. Tamen nur malmultaj el la pridemanditoj kuraĝis fakte konversacii en tiuj lingvoj.

La 25-an de aprilo aperigis la germana ĉiutaga gazeto *Frankfurter Allgemeine* artikolon kun la fraplinio „Fremdlingvoj mankhavaj": la Instituto pri la Germana Ekonomio informis, ke ĉiam pli da entreprenoj bezonas plurlingvajn kunlaborantojn. Tio estus aparte grava en la Eŭropa Komunumo. Ĉefe oni postulas konojn de la angla, franca, hispana, itala kaj rusa. Tamen la fremdlingva edukado estus tute nesufiĉa. Eĉ finstudintoj havus nur meznivelajn konojn.en fremdaj lingvoj.

Laŭ *Salzburger Nachrichten* (28-a de marto 1992) germanaj sciencistoj havas problemojn kun la angla. Unu el kvar nur malbone povas legi anglajn tekstojn, unu el tri malbone parolas ĝin kaj pli ol la duono nur pene povas verki anglan tekston.

Kiom da aŭstroj parolas angle? Laŭ *Wiener Zeitung* (1992-04-24) 20%, laŭ *Die Presse* (1991-08-23) nur 13% „bone" kaj 20% „meze". Fakte neniu el tiuj enketitoj devis pruvi siajn konojn. Tamen ekde la unua de majo 1992 Aŭstrio havas novan radioprogramon: BLUE DANUBE RADIO (Radio de la blua Danubo). 25 kunlaborantoj angligu nin per 30 milionoj da ŝilingoj jare. Novaĵoj elsendiĝos ankaŭ germane kaj france.

La sukceso ne estas certa, se oni legas la numeron 10/1991 de *Spotlight* (Lumturo). Temas pri monata magazino en facila angla por germanlingvanoj. La enkonduko por la artikolo *Slow learners* (Malrapidaj lernantoj) estas germane verkita kaj tradukeblas jene: „La tuta mondo parolas angle – tiel pensis la britoj longtempe kaj eraris. Dum la realigo de la Eŭropa Merkato Komuna en 1993 ili spertos lingvajn barierojn."

Dupaĝa artikolo „Unuiĝinta Eŭropo, lingve disigita" aperis en la trimonata porinstruista *ÖPU-Nachrichten*. La aŭtoro estas gimnazia instruisto por la angla kaj franca. Jen mallongigita enhavo:

Diversaj studoj montras „melhelan bildon" pri la lingvaj konoj en Eŭropa Komunumo. Nur 25% povas aktive paroli fremdan lingvon. Se mankas najbaraj ŝtatoj, kiel en Anglio, Hispanio aŭ Italio, tiam mankas ankaŭ fremdlingvaj konoj. En Aŭstrio multaj lernis la anglan, sed plej ofte antaŭ longa tempo. Tio esprimas nenion pri la faktaj aktivaj konoj nun. Komercistoj ofte plendas, ke negocaj rilatoj ĉiam kaj ĉiam malsukcesas pro la lingva bariero. Traktadoj kun japanoj estis preskaŭ senfinaj, ĉar aŭstroj kaj japanoj parolis divarsajn variantojn de la angla. Kaj ofte sekretariino ne povas paroli kun partnero en Anglio.

Kiuj strategioj imageblas kontraŭ la „senlingveco"? La aŭtoro prave opinias, ke ne baldaŭ povos helpi elektronikaj tradukiloj. Sed la gelernantoj en Aŭstrio en proksima estonteco povos elekti duan fremdan lingvon ekde la 7-a lernojaro. Ankaŭ la ERASMUS-programo ebligas al 1000 gestudentoj jare la studadon eksterlande. Sed laŭ la nuna stato nur 2% de la finstudintoj kolektis iam spertojn en fremdlingva eksterlando.

* * *

Do grandaj klopodoj kaj etaj rikoltoj. En Aŭstrio ĉiu gelernanto studas fremdajn lingvojn 2000 ĝis 4000 horojn dum sia lerneja tempo. La aŭstria ŝtato elspezas jare almenaŭ 20 miliardojn da ŝilingoj por instruado de fremdaj lingvoj. Tiu sumo ebligus la konstruadon de 20.000 loĝejoj por 80.000 homoj ĉiujare.

---

**Specimena taskofolieto de lerneja konkurso (v. alvokon je paĝo 24.)**

---

**2a jaro, n-ro 6 — 1a KATEGORIO — Limdato: la 23a de Marto 1992**

1. Faru almenaŭ 6 triliterajn vortojn, kie inter du samaj vokaloj troviĝas unu konsonanto. Ekz.: *oro.* [1] *(3 poentoj)*

2. Pri kiu frukto oni parolas? *(2 poentoj)*
   *Unue ĝi estas verda kaj acida, poste ruĝa.*
   *Kiam ĝi havas bluan koloron, ĝi estas tre bongusta.*

3. Korektu la erarojn! *(3 poentoj)*
   *Hieraŭ Petro iros kun biciklo ĉe Stefano.*

4. Kompletigu la sekvan proverbon: *(2 poentoj)*
   *Se mi hav... mon..., mi vojaĝ... Rom... .*

5. *"Ĝis la bela sonĝo de l' homaro".* Daŭrigu! *(3 poentoj)*

6. Iu trovas sin "fremda" inter la ceteraj. Kiu? *(2 poentoj)*
   *koko, bovo, ĝirafo, porko, muso, anaso*

7. Kion signifas: *krokodili* ? *(2 poentoj)*

8. Kie oni okazigis la jubilean UK (=Universala Kongreso) en 1987? Kioma ĝi estis? *(3 poentoj)*

---

Sendu la solvojn al: *II.Rákóczi F. Általános Iskola, Esperanto-grupo* [2]
*3910 TOKAJ, Bajcsy-Zs.Endre út 9.*

## Komisiono pri konkursoj
### Formiĝis nova ILEI-Komisiono

La 22-an de februaro 1992 en Budapeŝto la estrara kunsido de ILEI pritraktis la proponon (*Io, kio mankas al ni*, IPR 1991/4. p. 23.), akceptis ĝin kaj komisiis min fari la necesajn paŝojn por efektivigi la projekton.

Kio estas la celo de la formiĝanta komisiono?

1. Tuj ĉe la komenco organizi nian lernantaron, se eblas, internacie, ligi ilin al alilandaj samaĝuloj.

2. Krei kontakton inter diversnaciaj instruistoj izolitaj, sendepende en kiu lando, urbo aŭ vilaĝeto ili laboras. La kontakto relaiĝas sen konsiderindaj elspezoj.

3. Altigi kaj laŭbezone unuigi la lingvan nivelon de la lernantaro, doni al ili plusan ambicion, entuziasmigi ilin daŭre.

Mi atendas la leteron de ĉiuj praktikantaj E-instruistoj, kiuj estas pretaj fari iom pli por la progreso de siaj gelernantoj. Ni deziras formi reton de pedagogoj, ĉar ni estas profunde konvinkitaj, ke komuna laboro kondukas al sukceso. Kun plezuro mi akceptas ĉiuspecajn proponojn.

Nun mi prezentas al vi konkurson, kiu jam la duan jaron mobilizas pli ol 200 geknabojn en Hungario. La tieaj atingoj kaj pozitivaj spertoj instigas nin vastigi la agadon trans la landlimojn. Mi petas vin legi ĝian regularon kaj observi specimene prezentitan taskfolieton kune kun la solvo, kaj poste, se ĉio ĉi kaptis vian fantazion, bonvolu aligi viajn lernantojn kaj partoprenu en nia komuna laboro.

La regularo havas suplementan konsilaron. Ĉion ĉi kun aliaj, jam ekzistantaj projektoj sendas al vi, se vi trovas ilin havinda, la iniciatinto (adreson v. sube.)

Esperante ke nia alvoko ne restos seneĥa, salutas vin elkore

s-ro KURUCZ Géza vicdirektoro
Gimnazio Bányai Júlia
Nyíri út 11.
H-6000 Kecskemét

## Regularo de Internacia Konkurso por lernejanoj
### memore al István Szerdahelyi [:serdaheji]

1. En la konkurso povas partopreni *nur lernejanoj* ĝis la aĝo de 19 jaroj. Junuloj, kiuj lernas Esperaton en eksterlernejaj kursoj aŭ memstare, rajtas alsendi siajn solvofoliojn, sed ili **ne eniras** la oficialan liston, t.e. ili partoprenas en ĝi **eksterkonkurse**. Oni povas aliĝi al a konkurso ĉe ioma numero.

2. La konkurso havas **du kategoriojn** laŭ aĝo: la unua ampleksas lernantojn ĝis la aĝo de 14 jaroj, la dua lernejanojn inter la aĝolimo de 15 ĝis 19 jaroj. Ambaŭ kategorioj havas *du grupojn*, nome: tiun de **komencantoj (= K)** kaj de **progresintoj (= P)**. La unuan formas geknaboj kun ne pli ol du lernojaroj en Esperanto, al la dua apartenas ĉiuj, kiuj lernas Espernaton dum pli ol du jaroj. Entute ekzistas do *kvar* grupoj, po *du* en ambaŭ kategorioj.

3. La konkurso ĉiam daŭras unu lernojaron: de *oktobro* ĝis *majo*. En la daŭro de la lernojaro **ĉiumonate** aperas taskofolietoj por ambaŭ kategorioj (entute 7 folietoj jare). La unua estas sendita al tiu lernejo, kiu ĝin petas letere kaj almetas poŝtmarkojn aŭ respondkuponon por la respondo. Ĉiu folieto enhavas 6 ĝis 10 simplajn tasketojn, per kies senerara solvo ĉiufoje **20 poentoj** estas akireblaj. La solvoj estu skribitaj en Esperanto sur simpla paperfolio en la formato de duona tajpfolio (A/5) kaj senditaj al la adreso, donita sur la taskfolieto mem (*redaktinto de la koncerna taskofolieto*) Ĉiu taskofoleto estas redaktita de alia pedagogo kaj aperas en la dusemajna revuo **Eventoj**.

4. En la konkurso povas partopreni nur lernantoj, sur kies solvofolio E-instruist(in)o atestas per sia **subskribo** kaj la **stampo** de la lernejo, ke la konkursanto estas lernejano. La solvofolio enhavu la **kompletan nomon** de la lernanto, la **kategorion** (B = bazlernejo; M= mezlernejo) kaj la **grupon** (K,P) ekz. (*mezlernejo, komencanto*) Por konkursantoj el lernejoj sen E-instruisto estas bezonataj lerneja stampo kaj la subskribo de la klasestr(in)o.

% La instruisto de Esperanto kolektas ĉiujn solvofoliojn de sia lernejo kaj sendas ilin en komuna koverto **ĝis la indikita limdato** (validas la poŝta stampo) al la donita adreso. (Solulo mem sendas sian solvon.) Por rericevi la korektitajn solvojn kaj por ricevi novajn taskofolietojn, la instruisto sendas kun la solvoj poŝtmarkojn aŭ respondkuponon. Kun la korektitaj solvoj ĉe-mete ĉiam troviĝas la ĝusta solvo de la antaŭa numero kaj la kompleta listo de la konkursantoj, kun indikoj de ties lernejoj kaj akiritaj poentoj. La nomoj de la plej sukcesaj estas publikigitaj en la revuo **Eventoj**, kaj voĉlegataj en la E-programo de la **Hungara Radio Kossuth**.

6. Post la lasta numero la plej sukcesaj konkursantoj estas premiataj.

## Internaj reguloj/konsiloj

### por instruistoj, kiuj redaktas/korektas taskofoliojn

1. La instruisto povas traduki nacilingven al siaj lernantoj la enkondukajn frazojn, per kiuj la taskoj estas eksplikataj.

2. La instruisto povas esti konsultata pri la enhavo de la taskoj kaj havas rajton malkovri fontlokon, rekomendi, prunti manlibro(j)n ktp., sed *rajtas solvi nek parte, nek plene* la donitajn taskojn. Li/Ŝi mem devas difini por si la *etikan*

*limon*. La celo de la konkurso: la lernanto studu *memstare* kelkajn tiklajn demandojn de la Internacia Lingvo.

3. Korektante la instruisto strebu al absoluta *objektiveco*.

4. Korektante li/ŝi povas doni poentojn entjerajn kaj dounajn. Pro ortografiaj aŭ gramatikaj eraroj, misskriboj li/ŝi same subtrahas nur douno(j)n aŭ entjero(j)n. **Plusaj poentoj** ne ekzistas.

5. La sinsekvaj taskofolietoj estas redaktataj de **apartaj** instruistoj, kiuj poste korektas la ricevitajn solvofoliojn. Korenktinte la instruisto sendu ilin kune kun la ĉe-metitaj poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj ĝis la indikita limdato + 8 tagoj al la adreso: **Gimnazio Júlia Bányai, Esperanto-Grupo. Nyíri út 11. H-6000 Kecskemét,** kie ili estas komputile prilaborataj. Ankaŭ la novaj taskofolioj estos ekspedataj de la menciita gimnazio.

6. Redaktante taskofolieton bonvolu prikonsideri:

- Ĉiu tasko estu, se eblas, de aparta karaktero.
- Ĉiu testo enhavu demandon el la historio aŭ literaturo de Esperanto kun konsidero al la nivelo de la konkursantoj, kompreneble.
- Neniu testo povas esti sen derivado aŭ vortkunmeto.
- Se estas eble, ne manku humuro.
- Neniu taskofolio estu sen lingva situacio.
- Konsideru ke la taskoj estu mallonge respondeblaj kaj facile korekteblaj, la nombro de eventualaj ekzempleroj estu dividebla per du aŭ tri (depende de la poentoj por la koncerna tasketo).

7. Ĉiujn rimarkojn, proponojn, reklamaciojn sendu al E-grupo de la Gimnazio Bányai Júlia. (adreson v. supre)

---

## Solvoj de la taskofolieto sur paĝo 23

**2a jaro, n-ro 6** | **1a KATEGORIO** | **Limdato: la 23a de Marto 1992**

1. *ovo, unu, iri, ili, igi, iĝi, ama, odo, opo, ere, ete*

2. *pruno*

3. *Hieraŭ Petro irIS PER difektita biciklo AL Stefano.*

4. *Se mi havUS monON, mi vojaĝUS RomON.*

5. *"Por eterna ben' efektiviĝos."* *(L.L.Zamenhof: La espero)*

6. *ĝirafo*

7. En Esperanta societo uzi nacian lingvon.

8. *Varsovio, la 72a*

# Financa raporto 1991

| RIMEDOJ | SEK |
|---|---|
| Membrokotizoj | 35.250:44 |
| Libroj, filatelaôj | 757:35 |
| Fondaĵo Szerdahelyi | 1.156:38 |
| Konferenco | 10.240:96 |
| Eldonoj | 4.046:74 |
| Eldonoj, donaco | 5.350:- |
| Ekzamenoj | 298:93 |
| Donaco | 1.622:25 |
| Kompenso UEA | 4.866:75 |
| Diversaĵoj | 84:- |
| Rentoj | 6.400:73 |
| | 70.074:53 |

| KOSTOJ | SEK |
|---|---|
| IPR | 35.092:06 |
| Bankkostoj | 821:69 |
| Al Fondaĵo Szerdahelyi | 1.156:38 |
| Konf. 1991, ŝuldo | 1.297:80 |
| Rezervo por eldono | 5.350:- |
| Informo | 337:25 |
| Presaĵo, fotokopioj ktp | 5.029:48 |
| Afranko, telefono | 888:76 * |
| Faka kotizo UEA | 749:48 |
| Estraro | 4.679:64 |
| Azia agado | 1.680:- |
| Honorarioj | 5.175:70 |
| Repago, kredito | 1.938:- |
| Koleghelpa konto | 375:20 |
| | 64.571:44 |
| Gajno 1991 | 5.503:09 |
| | 70.074:53 |

* Nur ĝenerala afranko. Afranko por eldono, ekzamenoj ktp troviĝas sub la koncernaj rubrikoj.

| AKTIVO | 1990-12-31 | 1991-12-31 |
|---|---|---|
| En kaso | 209:41 | 0 |
| Banko SE | 63.591:64 | 57.442:64 |
| Frosta | 2.398:95 | 18.802:69 |
| Poŝtĝiro | 3.287:45 | 2.552:36 |
| UEA, ilek-a | 39.706:01 | 43.244:45 |
| Ce GCA | 4.950:58 | 2.902:84 |
| Kompenso de UEA | 4.990:50 | 0 |
| Librostoko | 8.960:- | 8.000:- |
| Stoko de filatelaĵoj | 480:- | 200:- |
| Nepagitaj fakturoj | 200:- | 600:- |
| | 128.774:54 | 133.744:98 |

| PASIVO | | |
|---|---|---|
| Koleghelpa konto | 705:- | 89:80 |
| Fondaĵo Szerdahelyi | 15.441:37 | 17.844:65 |
| Rezervo por eldono | 4.957:37 | 9.107:37 |
| Konferenco, ŝuldo | - | 1.297:80 |
| Ŝuldo al komisiitoj | 1.920:- | - |
| Propra kapitalo | 105.750:80 | 105.405:16 |
| | 128.774:54 | 133.744:98 |

Detaloj. (ĉiuj sumoj en svedaj kronoj).

Fondaĵo Szerdahelyi.

| | | |
|---|---|---|
| Saldo 1990-12-31 | | 15.441:37 |
| donacoj 1991 | 1.156:38 | |
| Rento 1991 | 1.246:90 | 2.403:28 |
| Saldo 1991-12-31 | | 17.844:28 |

Koleghelpa konto.

| | | |
|---|---|---|
| Saldo 1990-12-31 | | 705:- |
| Donacoj 1991 | 784:80 | |
| 28 membrokotizoj | - 1.400:- | - 615:20 |
| Saldo 1991-12-31 | | 89:80 |

| IPR | 4/88-3/90 | 4/90 | 1/91 | 2/91 | 3/91* | Entute |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Presado | | 4.397:74 | 4.104:16 | 4.104:16 | 5.596:58 | 18.202:64 |
| Ekspedoj | | 565:34 | 583:80 | 583:80 | 727:75 | 2.460:69 |
| Afranko | | 2.082:79 | 2.413:45 | 2.182:35 | 2.664:45 | 9.343:04 |
| Kompostado: | | | | | | |
| GCA | | 118:22 | 59:11 | 59:11 | 53:25 | 289:69 |
| Hungario | 833:- | 1.080:- | 972:- | 1.080:- | 1.296:- | 5.261:- |
| Vendo | | | | - 465:- | | - 465:- |
| | 833:- | 8.244:09 | 8.132:52 | 7.544:42 | 10.338:03 | 35.092:06 |

* 3/91 kun kroma folio

Eldonoj.

| Rubriko | Enspezoj | Elspezoj | Rezulto | Valoro de la stoko |
|---|---|---|---|---|
| Tendaraj Tagoj | 7.466:12 | 6.289:- | 1.177:12 | 2.500:- |
| IE-broŝuro | 3.873:14 | 1.362:57 | 2.510:57 | 400:- |
| Symoens: La valoro | | | | |
| franca | 236:20 | | 236:20 | 2.000:- |
| angla | 122:85 | | 122:85 | 3.100:- |
| Sumo | 11.698:31 | 7.651:57 | 4.046:74 | 8.000:- |
| Donaco por eldonado | | | 5.350:- | |
| 1991-12-31 | | | 9.396:74 | |

Evoluo de la eldonado.

| Titolo | 1989 | 1990 | 1991 | Stato |
|---|---|---|---|---|
| IE-broŝuro | - 969:39 | 1.910:04 | 2.510:57 | 3.451:22 |
| La valoro, franca | -5.113:85 | 1.575:82 | 236:20 | - 3.301:83 |
| angla | | - 3.924:33 | 122:85 | - 3.801:48 |
| Tendaraj Tagoj | | | 1.177:12 | 1.177:12 |
| | | | | - 2.474:97 |

| | |
|---|---|
| Rezervo por eldono 1990-12-31 | 4.957:37 |
| Honorario, Szanser-materialo | - 1.200:- |
| Donaco por eldonado | 5.350:- |
| Rezervo por eldono 1991-12-31 | 9.107:37 |

| Konferencoj | Enspezoj | Elspezoj | Suldo | Rezulto |
|---|---|---|---|---|
| Voss 1991 | 92.168:10 | 81.789:14 | - 1.297:80 | 9.081:16 |
| Bratislavo 1992 | | 138:- | | - 138:- |
| Repago Voss | | | 1.297:80 | 1.297:80 |
| | 92.168:10 | 81.927:14 | 0 | 10.240:96 |

1991-12-31

Bertil Andreasson

Bertil Andreasson
kasisto ILEI

# Nereala taksado de la nombro de esperantistoj en la mondo

Bernard Golden

**Enkonduko**

Benjamin Disraeli, fama brita politikisto de la 19-a jarcento, esprimis sian opinion pri statistiko per la sekvaj saĝaj vortoj: "Estas tri specoj de mensogoj: mensogoj, malbenitaj mensogoj kaj statistiko." Aliborde de Atlantiko la usona humuristo Mark Twain same trafe atentigis, ke "statistikoj ne mensogas, sed mensoguloj statistikas." En la sekvaj sekcioj estos prezentitaj taksoj pri la nombro de esperantistoj en la mondo nuntempe. Poste legantoj decidu, ĉu Disraeli aŭ Mark Twain pli ĝuste karakterizas statistikadon kaj statistikantojn en Esperantujo.

**I. Stefan MacGill: 1 000 000**

La plej nova provo taksi la nombron de esperantistoj en la mondo hodiaŭ venis el la plumo de Stefan MacGill, la prezidanto de ILEI, kaj estis publikigita en ties organo (1). Li mem ne faris socilingvistikan esploron de la Esperanta lingvokomunumo, nek bazis siajn ciferojn sur jam publikigitaj rezultoj de fake kvalifikitaj statistikistoj; male, li aplikis pseŭdometodon, kian utiligis ĉiuj liaj antaŭuloj sur tiu ĉi tereno. Sur sep paĝoj de fakrevuo por esperantistaj instruistoj, li facilanime surpaperigis taksojn, tutsimple prenitajn el la aero. La lingvaĵo de lia artikolo pruvas tion. Jen kelkaj citaĵoj, ĉerpitaj el la unua paĝo.

**a.** "Se ni supozas milionon da parolantoj por Eaperanto..." Laŭ *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) "supozi" signifas "esti inklina pensi manke de pruvoj certaj, akcepti kiel probabla, ne havante pri ĝi efektivan scion" (Mi aldonis la emfazojn en la difino.) Kia maniero enkonduki pritrakton de serioza temo! Surbaze de tiu fantaziado, MacGill konstruis statistikan kimeron pri la nombro de esperantistoj en diversaj partoj de la mondo. Skeptikulo emas demandi, kial estis elektita ĝuste la nombro 'miliono'? Kial ne duona miliono aŭ miliono kaj duono? Nu, eĉ la aŭtoro demandas, kiom pravigebla estas la aserto pri miliono da parolantoj? Rimarku, ke temas pri aserto, ne fakto!: Posta frazo komenciĝas jene.

**b.** "Se estus miliono..." La uzo de la kondicionalo "estus" klare karakterizas la enhavon de la frazo kiel nur probablan. Ankoraŭ unu ekzemplo sekvas.

**c.** "...la atingo de la miliono dependas grandparte sur supozoj pri Sovetunio kaj Ĉinio." Senĉese venas supozoj, supozoj, supozoj... Sur la sama paĝo estas konjekto pri la nombro de neorganizitaj esperantistoj.

**ĉ** "Nia kalkulo supozas ilin inter 3- kaj 4-oblo de la organizitaj." Kie estas la kalkula pravigo de '3- kaj 4-oblo'? Kial ne 2,5-oblo aŭ 5-oblo? Ankaŭ tiuj ciferoj odoras je la mucida aero dekabineto, Refoje sur pĝ. 4 ripete hantas legantojn la ĉiama necerteco.

**d.** "...centoj da miloj da supozataj sed izolitaj parolantoj en Ĉinio kaj Sovet-unio..." Per tiu rozario da opinioj, probabloj kaj asertoj, MacGill konstruas kastelon en la aero, tre altan sed tute nestabilan. Efektive, li mem subfosas ĝin per ankoraŭ unu supozo sur pĝ. 4.

**e.** "Esperanton parolas 1 miliono (preskaŭ defendebla aserto)." Kion signifas "preskaŭ defendebla"? Aserton oni neniel devas defendi; oni simple laŭte elbuŝigas ĝin kaj poste forkuras. Nur solidaj faktoj estas defendeblaj per atestaĵoj kaj dokumentado. Ju pli oni provas sekvi la torditan rezonadon de MacGill, des pli oni mispaŝas kaj stumblas en ĝangalo de ciferoj ne havantaj firmajn radikojn, sed kuŝantaj sur la molaj sabloj de konjektado.

**2. Mark Fettes: 2 000 000**

Kvar jarojn antaŭ ol SMG publikigis sian takson, Mark Fettes, la redaktoro de Esperanto, la oficiala revuo de UEA, alvokis legantojn partopreni en konkurso por decidi pri la nombro de esperantistoj en la mondo.(2) Same kiel MacGill, ankaŭ Fettes ne prezentis difinon de la nocio 'esperantisto'. Partoprenis en la konkurso nur 56 homoj. La proponitaj ciferoj havis vastegan gamon, sed pro manko de spaco, la redaktoro ne pritraktis tiujn, kiuj eble havas faktan bazon; sekve, la plej multaj taksoj estis imagitaj. Fettes arbitre elektis mezan ciferon, la averaĝon de la 23-a kaj la 24-a taksoj en laŭgranda sinsekvo kaj, deklarante, ke estas 2 000 000 da esperantistoj en la mondo, aplombe proponis, ke en ekstera propagando oni utiligu tiun mezan takson.

**3. Victor Sadler: inter 100 000 kaj milionoj**

Dek kvin jarojn pli frue estis publikigita en la franca gazeto *L'Aurore* (1972.08.08) intervjuo kun d-ro Victor Sadler, la tiama direktoro de la Centra Oficejo de UEA. Sadler informis, ke "en la mondo ĉirkaŭ 100,000 homoj parolas perfekte Esperanton kaj ... pluraj milionoj kapablas pli malpli bone kompreni ĝin kaj komprenigi sin" (3).

**4. Lennart Åberg 50 000**

Tuj post publikigo de la takso de d-ro Sadler, sveda esperantisto, Lennart Åberg, objetis, ke ĝi estas troigo, kaj asertis, ke ĉar esperantistoj troviĝas dise en la mondo, ne eatas eble scii ilian difinitan nombron. Jen kiel li pravigas sian tre malaltan takson: "Ne ekzistas aparta popola registrado pri tiuj, kiuj scias paroli la internacian lingvon... Sed, se temas nur pri sciantoj de la lingvo, kiuj krome apartenas al iu el la ekzistantaj organizaĵoj esperantistaj, mi povas diri, ke ili nombras ĉirkaŭ 50.000" (4).

Rimarku, ke la takso de Åberg koncernas specife parolantojn kaj sciantojn de Esperanto, kiuj estas anoj de organizaĵoj. Ekskluditaj estas la apenaŭ palpeblaj neorganizitaj esperantistoj. Miaopinie, la takso de Åberg estas pli proksima al la realo ol la aliaj ses-nulaj ciferoj.

**5. Tipologio de esperantistoj**

La febleco de la argumentado kaj konkludoj de preskaŭ ĉiuj verdaj statistikemuloj rezultas el manko de objektiva difino de 'parolanto' aŭ 'uzanto'

de Esperanto. Kiom da lingvoscio estas bezonata, kaj ĝis kiu grado estu postulata kompetenteco? Ĉu eblas starigi minimuman lingvan nivelon? Por respondi en racia maniero la demandon "Kiel ni difinu 'Esperantisto'?" sur pĝ. 7 de la artikolo de MacGill mi ellaboris tipologion de la t.n. esperantistoj. Mi ne imagis la tipologion sed bazis ĝin sur difinoj kaj priskriboj jam publikigitaj de kleruloj, kiuj okupiĝis pri la temo. La celo de la klasifo estas doni pli realecan bildon de la konsisto de la nehomogena Esperanta lingvokomunumo.

**5.1. Esperantisto laŭ Zamenhof**

La plej bone konata difino de esperantisto estas tiu de Zamenhof en la "Deklaracio de Bulonjo-ĉe-marŏ de la jaro 1905. "Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al altiva Societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga" (5).

**5.2 Esperantano**

Propagandistoj kutimas inkludi en la kategorio 'esperantisto' ankaŭ tiujn homojn, kiuj vere devas esti nomataj 'esperantanoj' difinitaj laŭ PIV kiel 'ne-aktivaj aprobantoj de Esperanto'. Temas pri apogantoj, simpatiantoj kaj amikoj de Esperanto, kiuj publike eldiras laŭdojn pri Esperanto, eventuale kotizas por subteni organizaĵon sed ne degnas lerni kaj uzi la lingvon. Inter ili estas multaj familianoj kies nomoj aperas en la membrolistoj de kluboj kaj asocioj.

Por priskribi la ekziston de "amasego da pasivaj aŭ latentaj Esperantistoj", 'amasego da Esperantistoj potecialaj kaj simpatiantoj de Esperanto tra la mondo', Humphrey Tonkin (6) elpensis la nomon 'fantoma Esperanta movado', kiu kelkfoje estas pli granda ol la funkcianta Esperanto-movado. Fakte, mi asertas, ke ĝi ciam estas pli granda ol la videbla Esperanto-movado, sed objektiva determino de ĝiaj nombroj estas kimero — krom por fervoraj propagandistoj, kiuj tiel ŝveligas siajn ciferojn.

**5.3 Esperantismano laŭ Zamenhof**

En 1909 Zamenhof uzis la maloftan terminon 'esperantismano' en la sekva kunteksto: "U.E.A. unuigas do ne ĉiujn esperantistojn, sed ĉiujn esperantismanojn, t.e. ĉiujn tiujn homojn, kiuj konsideras ne nur Esperanton en ĝia ekstera lingva formo, sed ankaŭ ĝian internan ideon" (7).

Per kreo de diferencigaj nomoj, Zamenhof estigis du kategoriojn: en la unua estas adeptoj de Esperanto, kies celo eatas utiligi ĝin nur kiel rimedon de interkomunikado; en la dua grupo troviĝas la uzantoj de Esperanto, dezirantaj diavastigi la movadan ideologion.

**5.4. Esperantofono (laŭ Leyk)**

La pola sociologo Jerzy Leyk enkondukis la terminon 'esperantofono' kaj modifis la difinon de 'esperantisto' (8).

*Esperantofono* — persono, kiu scipovas praktike utiligi Esperanton, komunikante kun aliaj homoj. Kvankam la plejmulto da ili identiĝas kun la movado, tio ne estas regulo.

*Esperantisto* – persono konscie subtenanta la pretendojn de la Esperanto-movado (t.e. disvastigon de Esperanto) aŭ aktive aŭ kiel pasiva membro de Eaperanto-organizaĵo. Subteno de la aspiroj de la movado, eĉ aktiva, ne postulas bonan lingvokonon. Tiel, esperantisto ne nepre devas esti esperantofono.

Por tiuj, kiuj volas eviti la neologismon 'esperantofono', estas eble uzi sinonime 'esperantlingvulo' kaj 'esperantlingvano' analogie kun jam enradikiĝintaj vortoj kiel 'franclingvulo' kaj 'franclingvano'..

**5.5. Statistika diferencigo de esperantistoj disde esperantofonoj**

Informoj pri la Esperanto-movado en Bulgario donas okulfrapan ekzemplon de la graveco diferencigi lingve nekapablajn movadanojn disde veraj esperantistoj, kiuj scipovas uzi la lingvon. Laŭ la Jarlibro de UEA por 1991, Bulgara Esperanto-Asocio havas 1250 membrojn. Tamen, artikolo publikigita en *Bulgara Esperantiasto* malkovris, ke "Nun en Bulgario estas apenaŭ 120-150 personoj bone regantaj Esperanton..."(9), t.e. proksimume 10% de la tuta membraro estas esperantlingvuloj, veraj esperantistoj. Nun estiĝas la demando: kion signifas "bone regantaj Esperanton"?

**6. Nivelo de parolkapablo de esperantlingvulo**

En sia difino de 'esperantofono' en 5.4, Leyk emfazas, ke temas pri persono, kiu scipovas praktike utiligi Esperanton, sed li ne priskribas, en kiu konsistas praktika uzado de la lingvo. Devas esti kaj minimuma kaj maksimuma niveloj de lingvokapablo. Neniel estas akceptebla la argumento de MacGill, ke tiu minimumo en la kazo de Esperanto estu malpli rigore difinita, ĉar mankas denaska parol-komunumo kaj kontinua parol-teritorio. Efektive, li mem kontraŭas al tiu vidpunkto pro la relativa facileco de Esperanto kaj la 'eksterordinara motivado' de lernantoj (noto 1, pĝ. 1-2).

Violin Oljanov en sia artikolo citita en 5.5 karakterizas personojn bone regantajn Esperanton laŭ preskaŭ maksimuma normo; ili estas "homoj, kiuj libere uzas la lingvon sen signifaj eraroj, povas esprimi siajn opiniojn en kunvenoj, partopreni en diskutoj de diversaj organizaj, metodikaj, kulturaj, sciencaj demandoj."

Miaopinie, Esperanto eatas uzebla por praktikaj celoj, se ĝi funkcias kiel vehiklo de interkomunikado en ĉiuj situacioj de la ordinara vivo, kaj parole kaj skribe. Esperantlingvulo devas havi la kapablon flue paroli kun bona prononco sen trouzo de gepatralingvaj fonemoj kaj intonacio. Lia skriba lingvo estu konforma al ortografiaj kaj sintaksaj reguloj kun minimumo da gramatikaj kaj semantikaj eraroj. Li demonstru sian kapablon pasive per legado de libroj kaj periodaĵoj kaj aŭskultado de radio programoj, kaj aktive per korespondado kaj interparolado.

Alia maniero difini lingvokapablon por praktikaj celoj estas postuli, ke la nivelo de proprigo de Esperanto estu ekvivalenta al la scio de la gepatra lingvo, kiun poaedas lernantoj en la oka klaso de elementa lernejo.

Kiom da esperantlingvanoj en la mondo hodiaŭ plenumas la kondiĉojn menciitajn ĉi-supre? Komencu nombri ilin en via loka grupo kaj poste apliku la procentojn al la 1 000 000 da esperantistoj, kiujn mirakle elsorĉis MacGill.

### 7. Kiel organizi statistikan enketon pri la nombro de esperantofonoj

Anatataŭ ĵongli per ciferoj ĉerpitaj el la aero aŭ proponitaj en divenad-konkursoj, estas konsilinde, ke Esperanto-organizaĵoj kaj unuopaj esperantistoj unu fojon por ĉiam forlasi ĉiujn ajn provojn entrepreni statistikajn superrigardojn de la Esperanta lingvokomunumo: Tiu tasko nepre estas transdonenda al sendependa, neesperantista organizajo, dediĉita al profesinivelaj demografiaj kaj statistikaj esploroj. Nur tiel estos eble eviti la uzon de naivaj metodoj kaj la intenĉan manipuladon de ciferoj, kiujn tro ofte faras E-organizajoj por surpapere ŝveligi sian membronombron. Por ke publika institucio aŭ universitata fako eklaboru sur tiu ĉi tereno, la unua gvidlinio, kiun ĝi devaa ricevi, estas klara, neambigua difino de esperantisto kune kun instrukcioj pri la metodo mezuri la nivelon de lingvoscio.

### Notoj


1. Stefan MacGill. Tri tabuaj demandoj. Novjara medito de la prezidanto. Internacia Pedagogia Revuo. 1991; (21) 4: 1-7
2. Mark FETTES. Konkurso. Esperanto. 1987; aprilo: 69 kaj oktobro: 174.
3. Artur BORMANN. Esperantistaro en la mondo. Interlingvistika Informa Servo. 1972; 15 (4): 53.
4. Lennart ABERG. Kiom da esperantistoj en la mondo? Heroldo de Esperantoto. 1973; 3 (1538): 4.
5. L.L. ZAMENHOF. Originala Verkaro. Leipzig: Ferdinand Hirt; 1929. vd. pĝ. 238-239.
6. Humphrey TONKIN. Esperanto centjara; La vojo irenda. Esperanta Mormonaro. 1984; 4 (1): 6-16.
7. L.L. ZAMENHOF. Originala Verkaro. Leipzig. Ferdinand Hirt; 1929. Vd. pĝ. 392.
8. Jerzy LEYK. Sociologia karakterizo de la Esperanto-movado. Pĝ. 44-100 en: Zamenhof, Movado, Doktrino. Varsovio: Esplorkleriga Centro de Pola Esperanto-Asocio. Vd. pĝ. 47.
9. Violin OLJANOV. Problemoj de la bulgara Esperanto-movado. Bulgara Esperantisto. 1990 decembro; 12: 4-6. Vd. pĝ. 4.



*Bernard GOLDEN, Damjanich u. 1/C.I.8.,*
*H-8200 Veszprém, Hungario*


---

## Aserti, sed ne forkuri!

Bernard Golden bazis sian cetere interesan artikolon sur miskompreno aŭ misprezento de la celo de mia artikolo 'Tri tabuaj demandoj' (IPR 91/4, p. 1-7). Tiu celo ne estis pretendi, ke *estas* miliono da esperantistoj, sed tiri konkludojn pri la necesa stato kaj amplekso de instruado, se *estus* miliono aŭ por ke ekestu miliono. Nek mi nek la legantoj bezonas vortarajn klarigojn pri la vorto 'supozo' aŭ pri la signifo-porta funkcio de la kondicionalo en Esperanto. La formoj estis intence uzitaj, la plimulto de la legantoj certe komprenis la mesaĝojn kaj la motivojn malantaŭ ili. Koncize ili estis:

- Se ni volas fari asertojn pri la nombro de esperantistoj, ni pretu doni iuspecan pravigon por tio, ĉu laŭ lernolibraj vendoj, kursoj registritaj, ekzamenaj rezultoj, ĉu — laŭ mia modelo — detala geografia distribuo.
- La kvanto kaj kvalito de konata instruado signife malsufiĉas subteni kaj plugeneri parol-komunumon de miliono da parolantoj. El tio ni konkludu:

– Aŭ ekzistas signifa kvanto da instruado, pri kiu ni ne scias
– Aŭ neniam estis parol-komunumo de miliono
– Aŭ, se iam estis aŭ nun estas, tiu nombro ne povos esti konservata per la nuna instruado

- La adekvata trejnado de instruistoj kaj kreo de modernaj lingvo-instruaj teknikoj kaj iloj estas viv-decide grava kaj urĝa demando, ne nur por ILEI, sed por la tuta movado.

Golden asertas, ke miaj ciferoj venas 'el la aero'. Iugrade prava, tamen ne eblas deĵori dek jarojn en la Centra Oficejo de UEA, dum pluraj el tiuj skan-leganta ĉiutage inter okdek kaj cent poŝtaĵoj el la tuta mondo, sen akiri iun sciobankon pri la stato de aferoj, precipe ne se oni redaktis plurajn Jarlibrojn. Pri kelkaj mondpartoj sufiĉe preciza bildo haveblas, kio reduktas la malcertan parton de la kalkulo. La ĉina cifero estis siatempa pretendo de ĈEL mem pri nombro de kursanoj, kiujn ili tamen poste modestigis, kaj kiun ege modestigis unu skriba reaginto al mi. La soveta cifero (jam dispecigenda!) baziĝas sur persona vizito kaj la centoj da urbaj kaj regionaj bultenoj burĝonantaj tie.

En tiu kalkulo, la sumo de miliono malpli gravas ol la proporcioj inter la diversaj mondpartoj. La nombro miliono estas iom arbitra, kaj intence prenita por ke la proporcioj vidiĝu klare. Ankaŭ, ĉar ĝi ŝajnas al mi minimume permesebla deziro por movadanoj – eĉ por Raŭmistoj – deziri ion malpli signifas porti en riskon de regener-kapablon de la komunumo.

Evidente, mi scias, ke objektiva profesieca sociologia esploro laŭ rigore difinitaj kriterioj necesas solvi la demandon. Egale klaras, ke ni ne havas la rimedojn baldaŭ fari aŭ farigi tion. Sekve, mi elektis malpli perfektan sed tamen validan vojon, esplorante pri perceptoj. Ili estas validaj esplorterenoj, ĉar la homoj (movadanoj kaj skeptikuloj) bazas siajn sintenojn, decidojn kaj agojn ne sur objektivaj faktoj, sed sur iliaj perceptoj kaj imagoj pri tiuj faktoj. Tion ili ofte faras eĉ kiam scieblas la faktoj kaj des pli kiam ne.

La perceptoj de movadanoj pri la nombro de parolantoj trairis drastan ŝanĝon en la lastaj jaroj. Interese, mia artikolo elvokis eĉ ne unu proteston, ke mi tro pesimisme pritaksas la situacion, kvankam pluraj tute neŭtralaj ekstermovadaj fontoj (enciklopedioj k.s.) citas multe pli altajn ciferojn. Se la artikolo aperintus tri-kvar jarojn pli frue, lavangon da protestoj mi akirintus.

Se ni harfendu pri la signifoj de vortoj, la nocio 'aserti' *ne* inkluzivas la devigon poste forkuri. Eblas ankaŭ aserti kaj resti. Resti por akiri reagojn, protestojn, konsentojn, rilatajn informojn el specifaj mondpartoj, kaj per tio akiri pli fidindan bildon de la esplorata demando, por povi pli ĝuste el ĝi tiri urĝe bezonatajn konkludojn.

Ĝuste tion mi celis fari.

*Stefan MacGill.*

## Laste aperis...

### Esperanto en Universitatoj kaj superaj institutoj

Jen la nova kaj pli trafa titolo de la konata ĉiujara verko de s-ro Germain Pirlot el Belgio. La plej nova eldono, por 1991-92 aperis en junio 1992, kaj estas akirebla de la aŭtoro. Informinto rajtas aĉeti ĝin kontraŭ 60 belgaj frankoj, aliaj kontraŭ 90, kaj tio inkluzivas la sendokostojn. Eblas ĝiri la sumon al pĉk-numero 000-0259390-12 de G. Pirlot, Steenbakkersrt. 21, B-8400 Oostende, Belgio.

La nova eldono listigas 90 universitatojn, kolegiojn kaj similajn instituciojn, kie oni instruas Esperanton kun iu grado de oficialeco. Tio estas praktike la sama nombro kiel pasint-jare, sed la nombro da landoj, kie ili troviĝas kreskis de 17 al 23. Ni resumas la liston laŭ urboj.

**Aŭstralio:** Adelaide. **Aŭstrio:** Graz, Innsbruck, Wien (2). **Belgio:** Bruselo. **Brazilo:** Belo Horizonte, Boa Vista, Fortaleza, Juiy de Fora, Maceió. **Britio:** Arundel, Liverpool, Salford, York. **Bulgario:** Sofio, Ŝumen, Veliko Tarnovo, Vraca. **Ĉinio:** Beijing (x4), Dalian (x2), Hefei, Hutubi, Jinan, Kunming, Lanzhou, Luojang, Nanchang, Nanjing, Qingdao, Tonghua, Wuhan, Xiamen, Xiangtan. **Estonio:** Tallinn. **Francio:** Aix-en-Provence, Bar-le-Duc, Clermont-Ferrand, Lyon. **Germanio:** Berlin (x2), Frankfurt/M, Halle/Saale, Hamburg, Karlsruhe, Magdeburg, Marburg. **Gvatemalo:** Guatemala Ciudad. **Hungario:** Budapeŝto, Debrecen, Eger, Hajdúböször-Mény, Sárospatak, Szombathely. **Japanio:** Iwata, Kobe, Okayama, Nagoya (x2), Oosaka, Tokyo. **Kanado:** Sherbrooke. **Koreio Suda:** Seulo. **Nederlando:** Amsterdamo. **Niĝerio:** Ekpoma. **Pollando:** Bydgoszcz. **Rumanio:** Arad, Baia-Mare, Brasov, Bucureŝto, Craiova, Oradea, Sibiu, Timisoara (x3). **Salvadoro:** Santa Ana. **San Marino:** San Marino. **Svedio:** Karlskoga. **Usono:** Berkelez, Edwardsville, Hartford, La Jolla, San Francisko, Wilmongton.

Elstaras la aktiveco en Ĉinio, el kiu venis plia du-paĝa listo post la pretigo de la libreto. Tiu listo estas mimeografe aldonita al la libreto. Rimarkindas la kvanto de kursoj en Japanio, kun kiu ILEI tute ne sukcesas restarigi rilatojn. Ni esperas, ke la mult-monataj aktivaj klopodoj de nia estrarano So Jin Su en Koreio baldaŭ liveros fruktojn. Nuntempe niaj rilatoj kun Koreio kaj Ĉinio pli fortas.

ILEI gratulas al s-ro Pirlot pro la refoje zorge farita laboro.

### Step by Step in Esperanto

Tiu klasika lernolibro (Paŝon post paŝo en Esperanton) de la anglo Montagu C. Butler nun reaperis en nova represo prizorgita de ELNA, la usona landa asocio de UEA. Ni aperigos recenzon pri ĝi en la venonta IPR; koncize ĝi estas tradicia gramatik-stila lernolibro aranĝita laŭ paŝetoj kaj ne laŭ ĉapitroj. Taŭga por anglalingvanoj, kiuj ŝatas lerni lingvon laŭ gramatika metodo. Kosto: $12.95 de ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530.

## Metodiko de la Esperanto-Instruado

Simile klasika verko sur la kampo de pedagogio estas tiu de la sloveno Rudolf Rakuŝa. Tiu delonge elĉerpita libro estas ankaŭ sensanĝe represita. Kvankam partoj malaktualiĝis, la plimulto restas daŭre valora. La 189-paĝa libro estas represita de UEA kaj kostas ĉe ili 15 gld, sed kun triona rabato ekde 3 ekzempleroj. Laŭ speciala aranĝo kun UEA, ILEI akiris stokon je favora prezo, kiun ĝi rajtas vendi nur al loĝantoj de reform-eŭropo. Tion ni faras je la ricev-prezo, do tute sen gajno por la Ligo, por ke ĝi restu iom pagebla. Ĝin vendas la hungara ILEI-sekcio, Kovács Márta, Ady Endre u. 23, H-1221 Budapeŝto, Hungario (tel. 226-3602) kontraŭ 200 forintoj. Hungaroj petu poŝtbankan enpagilon. Pagoj el aliaj landoj devas esti en forintoj, se ne estas speciala interkonsento.

* * * * *

Ĝis hodiaŭ, la unua de julio, atingis nin en Budapeŝto neniu numero de revuo *Esperanto* de post la marta. Ni eksciis pri plano ekspedi la aprilan kaj majan numeron kune (la maja enhavus la estraran raporton, kune kun eduka ĉapitro), tamen tiu plano ankoraŭ ne realiĝis. Sekve ne aperis nia jar-raporto, nek la rezulto de nia rekorda ekzamena jaro en 1991, ne aperis la listo de plej vendataj libroj (en kiu *Tendaraj tagoj* devus figuri, ĉar ĉe




UEA vendiĝis ĉ. 150 ekz. en 1991 – kaj pli ol mil ĉe ni). Ne aperis informoj pri la ekzamensesio en KCE, nek pri nia konferenco (pri la gimnazio feliĉe aperis en marto).

La pagita anonco por nia konferenco en *Jarlibro 1992* aperos tro malfrue por efiki.

Tiu manko de inform-fluo pezas tre negative sur nia eduka laboro, ĉar ni dependas je la inform-kanaloj, tiom forte centritaj ĉe UEA.

### Esperantic Studies Foundation proponas esplor-kontrakton

Tiu usona fondaĵo serĉas esploriston kapabla verki raporton pri la instruado kaj lernado de Esperanto, ĉefe pri kvar demandoj: Metodoj: kiuj plej taŭgas por Esperanto. Lerneblo: kiom da peno necesas lerni ĝin kompare kun naciaj lingvoj. Propedeŭtiko: kiom ĝia lernado helpas en lernado de aliaj lingvoj poste. Instruista trejnado: Ĉu necesas aparta strategio trejni instruistojn? Kiel la strategio devas varii depende de la fako, kapabloj, ktp. de la instruisto. Kiom da baza pedagogia trejnado estas sensanĝe transprenebla. La raporto devus esti ĉ. 20-paĝa, baziĝi sur ekzistanta raporto, sed aliri aliajn fontojn (legokapablo de Eo, angla, germana dezirata). Honorario ĝis $2,000. Interesatoj sendu biografion al J. Pool, Dept. Political Science, DO-30, University of Washington, Seattle, WA 98195.

## HONORAJ MEMBROJ

Peter Zlatnar (YU, 1984) – Mario Dazzini (I, 1985) – Erbetta Marcel (CH, 1986)
Irja Klemola (SF, 1986) – Olle Olsson (S, 1986) – Jozef Toczyński (PL, 1986)
Helmut Sonnabend (D, 1987) – Catina Dazzini (I, 1988) – Szerdahelyi István (H, 1988)
M.H. Saheb-Zamani (IR, 1989)

## SEKCIESTROJ DE LA LIGO

| | | |
|---|---|---|
| **Argentino** | : | Herminia Kirkerup de Fernandez (s-ino), Calle Cerrito 1.249, Barrio San Martín, RA-5000 Córdoba, (Córdoba) |
| **Aŭstrio** | : | Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, A-1190 Wien |
| **Belgio** | : | Alex Humet, Van Campenhoutstr. 4, B-2600 Berchem |
| **Brazilo** | : | Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106 São Paulo SP |
| **Britio** | : | Arnold Pitt, Yew Tree Cottage, Ivington Road, Leominster, Herefordshire HR6 82D |
| **Bulgario** | : | Ivanka Spasova, j.k. Lenin bl. 20, vh. 3, BG-1124 Sofia |
| **Ĉeĥio** | : | --- *nomota* --- |
| **Ĉinio** | : | Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept. 29-34, North Part, Huazhong Normal University, 430070 Wuhan, PR China |
| **Estonio** | : | Eve Otsa, Liivalaia 30-12, EST-200001 Tallinn, Estonio |
| **Finnlando** | : | Synnöve Mynttinen, Keskussairaalankatu 5 M 133, SF-15850 Lahti |
| **Francio** | : | Edmond Ludwig, 26 Route de la Schlucht, F-68140 Münster |
| **Germanio** | : | Stefanie Tucker, Alatseestr. 14, D-W-8900 Augsburg |
| | : | Till-Dietrich Dahlenburg, Feldstr. 13, D-O-2722 Brüel |
| **Hispanio** | : | Manuel López Hernández, Poŝtkesto 832, E-41080 Sevilla |
| **Hungario:** | : | Márta Kovács, Ady E. u. 23-25/C, H-1221 Budapest |
| **Israelo** | : | Murĵan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv |
| **Italio** | : | Catina Dazzini, C.P. 22, I-54100 Massa |
| **Japanio** | : | Toi Kunio, 1448-1 Simotakajyanagi, Kazo-si, Saitama 347 |
| **Jugoslavio** | : | Sonja Tavčar, Liminijanska 6, YU-66320 Porotorož |
| **Korea Resp.** | : | Gilsu So, Sodaemun, P.K. 59, Seoul-120 |
| **Nederlando** | : | D. Luesken-Burger, Renderklippenweg 5, NL-8162 NC Epe |
| **Nordameriko** | : | Doroteo Holland-Kaupp, 5140 San Lorenzo Dr., Santa Barbara, CA 93111-2521, Usono |
| **Norvegio** | : | *vakas* |
| **Pollando** | : | *Turnu vin al E-Centro Bialistoko, ul. Piasta 52/21, PL-15-044* |
| **Portugalio** | : | Alexandre Kasesa, Rua Actriz Palmira Bastos 10, 4'B, P-1900 Lisboa |
| **Sanmarino** | : | Marina Michelotti, Contrada del Collegio 51, I-43031 San Marino |
| **Slovakio** | : | Anton Zachariáŝ, Sobotské námestie 6, CS-05801 Poprad |
| **Sud-Afriko** | : | Japie Spoelstra, Posbus 20185, Noordbrug 2522, Suid-Afrika |
| **Svedio** | : | Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-24294 Hörby |
| **Svislando** | : | Nicole Margot, Tour Grise 28, CH-1007 Lausanne |
| **Venezuelo** | : | Inĝ. Felix Garcia Blasquez, Apartado 75.090, YV-1070 A Caracas |
| **Zairio** | : | Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, Lukala (Bas-Zaïre) |

## REPREZENTANTOJ

| | |
|---|---|
| **Albanio** | : Bardhyl Mezini, p/a Albana Esperanto-Ligo, Gafur Muĉo, Rruga «Thanas Ziko» Nr.56, Tirana |
| **Bangladeŝo** | : Sultan Ahamad, Factory Inspection Dept., 4 D.I.T. Avenue, Dhaka-1000 |
| **Centrafr. Resp.** | : Luc Feidangai, B.P.960, Bangui |
| **Ĉilio** | : Luis A. Vera, Isabel Riquelme 7115, Pobl. C. Estrella, La Cisterna, Santiago |
| **Hindio** | : Abani Halter, Jamboni, P.O.Bolpur 731204, W. Bengal |
| **Irano** | : Mohammad Karamudini, P.O.Box 13445-747, Tehran/Iran |
| **Niĝerio** | : Godwin Oboh, University of Ekpoma Wan, Illeh Box 62, Epoma Bendel |
| **Rumanio** | : Angela Stoica, Platanilor 17, Sc. C, ap.4, R-1900 Timişoara; tel.(961) 59806 |
| **Tanzanio** | : Mramba Simba, S.L.P. 1051, Bunda Mara |

## LABORKOMISIONOJ

**Statistiko :** Germain Pirlot, Steenbakkersstraat 21, B-8400 Oostende; tel. (059) 70.87.00

**Didaktikaj lud(il)oj :** Georges Sossois, rue du Basson 79, B-6001 Marcinelle; tel. (071) 43.62.05

**Eŭropa Komunumo 92 kaj informado en internaciaj pedagogiaj medioj :**
E. Symoens, Putsesteenweg 151, B-2920 Kalmthout (Heide), Belgio; tel. (32 3) 666.62.66

**UN-Jaro de la Familio 94 :** MacGill-Glossop

**Gazetara Servo :** W. Klag, Rudolfinergasse 8/11, A-1190 Wien, Aŭstrio; tel. (43 222) 36.86.29

**Terminologio :** K. Smideliusz, Apáczai sétány 10, H-9700 Szombathely, Hungario; tel. (36 94) 20-313

**Statuto :** O. Hoekstra & R. Moerbeek, Frederikslaan 47, NL-1871 SB Schoorl, Nederlando; tel. (31 2209) 15.65

**Ekzamenoj :** Marie Hunninck, Centre Culturel «La Chanté», B.P. 136, F-84200 Carpentras;

**Konkursoj lernejaj :** Géza Kurucz, Nyiri u. 11, H-6500 Kécskemet

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

| | |
|---|---|
| **UNESKO** | : (Rilatoj de reciproka informado, Kategorio C), 7 Place Fontenoy, F-75007 Paris. **Reprezentanto de ILEI:** François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, F-75010 Paris |
| **UEA** | : Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam |
| **IEI** | : Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag |
| **KCE** | : Kultura Centro Esperantista, BP 779, CH-2301 La Chaux-de-Fonds |

**Kontribuaĵoj al IPR** Tajpitaj nete per nigra rubando sur blanka papero kun adekvataj marĝenoj, aŭ komputile sur 5,25-colaj disketoj per IBM-PC-kongrua sistemo kaj konata tekst-prilaborilo, al la adreso de la Redaktejo (vd. kovrilpaĝon). Skribu viajn nomon kaj adreson sur la manuskripto.

**Abonado al IPR kaj membriĝo al ILEI** (membrokotizo 50 Svedaj Kronoj):

1) poŝtĝirkonto: 682117-7 (Stockholm). «La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj» (ILEI). Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby (Svedio).
2) poŝtĝirkonto: 3789 64 de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam (Nederlando), por la interna konto ILEK-A de ILEI.